# BRAZILA ESPERANTISTO

Oficiala Organo de Brazila Esperanto - Ligo - 90ª Jaro - Nº 302 - Marto 1998


## SERIO 1998: "PROVERBARO"



*PROVERBOJ*
*MAKSIMOJ*
*AFORISMOJ*
*SENTENCO*
*PARADOKSOJ*
*DEVIZO*
*MOTO*
*AKSIOMO*

## PENSOJ

*"Pensoj iras trans limo*
*sen pago kaj sen timo."*

*Zamenhof*

BRAZILA ESPERANTISTO
90-a Jaro - Marto 1998
N-ro 302 (trimonata) - Trimestral
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
SDS - Edif. Venâncio III, Sala 409
Brasília, DF
Caixa Postal 3625
70084-970 Brasília, DF (Brazilo)
Telefono (061) 226-1298
Fakso (061) 226-4446
Internet: bel@brnet.com.br
Hejmpaĝo: http://www.brnet.com.br/bel/bel
Kompostado, presado, Grafika aranĝo
Gráfica Altamisa
Eldonkvanto: 1500
Redaktantoj: S. - G. Ledon - CP 269
12460-000 Campos do Jordão, SP - (Brazilo)
Telefono-Fakso: (012) 262-1983
**La redaktantoj ne nepre konsentas kun la enhavo de subskribita artikolo**

BRAZILA REVUO ESPERANTISTA
Fondita en 1907
BRAZILA ESPERANTISTO
Fondita en 1908
de Alberto A. Vieira
Reynaldo Geyer
Everardo Backheuser
Pri abonprezo, anonctarifo k.c. skribu al BEL
Pri kunlaboraĵoj k.c. skribu al la redaktejo


# ENHAVO



# Krovilpaĝo



## PROVERBARO

"La teoria lernado de lingvo konsistigas nur bazon; la ĉiutaga praktiko pliriĉigas la akiritajn sciojn. En la naciaj lingvoj svarmas la parolturnoj,dirmanieroj, idiotismoj, kutimdiroj kaj proverboj. Por regi lingvon, necesas rekte pensi en ĝi, nome uzi esprimojn, kiuj fidele spegulas tiujn aŭtomate uzatajn en la gepatra." (L. Bourgois)

"Konado de proverboj estas necesa por la konado de la lingvo."
(Zamenhof)

"Estas absolute necese ke la esperantistoj, cele al faciligo de la rapida legado kaj de la konversacio, kutimiĝu, dum la ĉiutaga babilado, uzi la samajn dirmanierojn kaj la samajn esprimojn. (C. Bourlet)

**"Proverbo estas sperto, proverbo estas averto. Venas proverbo el popola la cerbo (Zamenhof)**

*Se la proverbo estas popola maksimo kiu enhavas konsilon aŭ konstaton pri ĝenerala, psikologia aŭ morala veraĵo, ĝi (la proverbo) konsistigas principon de konduto, veraĵo pri la vivo, laŭ reduktita esprimo, aŭ penso kiu povas rilati vastsence al scienco, arto, moro aŭ kredo.*

*LA PENSISTO, fama skulptaĵo de Rodin, mendita interaliaj surbaze de la "Dia Komedio" (La infero) de Dante por la portalo de la Muzeo de Arto Dekoracia de Parizo, fariĝis poste aparta unuo el liaj plej famaj. Per rezonado, kio estas logike kunmeti argumentojn kaj tiri el ili konkludon, se "PAROLO estas arĝenta, sed ora la SILENTO" la Pensisto de Rodin, simbole reprezentu ke "Silento estas konsento" ene de la unua serio de la PROVERBARO kovrilpaĝe de Brazila Esperantisto en 1998. (Bibliografio: "Proverbaro Franca-Esperanta" (L. Bourgois) - "Esperanta-Portugala Proverbaro (L.L. Zamenhof, A. C. Fernandes).*

# 34-a BRAZILA ESPERANTO - KONGRESO
# 19-a BRAZILA ESPERANTISTA JUNULARA KONGRESO

19-24/07/98, SALVADOR - BA. ĈEFTEMO: "ESPERANTO KAJ INTERRETO: GLOBIGADO DE LA KOMUNIKADO" Aŭspicio: BRAZILA ESPERANTO-LIGO - Organizado: BAHIA ESPERANTO-ASOCIO

Caixa Postal 945 40001-970 - Salvador, BA

*Bahia estas la ruzeta parto de Brazilo. En Salvador ĉiuj dancas kapoejron. Kiu ne dancas per la kruroj, tiuj dancas per la parolo. Estas tie, kie komenciĝis ĉiuj brazilaĵoj. Bahia estas sento de feliĉeco, pro tio, ke ĝi havas bonan genton, suferantan, sed bonan, krom festema. La bahiaj esperantistoj estos kun la brakoj etenditaj dum la alveno de la kongresanoj.*

LOKA KONGRESA KOMITATO - Prezidanto: Josenilton Passos do Nascimento, Vic-Prezidanto: Cosme Norival Mello da Silva, 1-a Sekretario: José Nertan Amorim Medeiros, 2-a Sekretario: Ivo Maria Santana Santos, 1-a Kasisto: Inácio B. Araújo, 2-a Kasisto: Osvaldo Fonseca da Ponta. Komuna Loĝejo: Nilda Neris, Kursoj kaj Ekzamenoj: Elísia Martins de Oliveira, Propagando: Everaldo Jesus de Carvalho, Infana Kongreso: Soraia Souza kaj Josenalva do Nascimento, Akceptado/Gastigado: Hildemar Oliveira Souza, Artaj Eventoj: Vera Lúcia Borges, Internacia Kontakto: Manoel Borges dos Santos, Giĉetoj/Vendado: Osvaldo Fonseca da Ponte.

| ALIĜOJ: | | |
|---|---|---|
| Kat. 1-Membro BEL kvita por 98: | (Ekde 15/12/97) = R$ 65,00 | (Ekde 15/03/98) = R$ 80,00 |
| Kat. 2-Membro de BEJO kvita por 98 | ( " " ) = R$ 32,50 | ( " " ) = R$ 40,00 |
| Kat. 3-Ne Membro aŭ ne kvita por 98 | ( " " ) = R$ 130,00 | ( " " ) = R$ 160,00 |
| Kat. 4-Familiano de Kat. 1 | ( " " ) = R$ 32,50 | ( " " ) = R$ 40,00 |
| Kat. 5-Familiano de kat. 3 | ( " " ) = R$ 65,00 | ( " " ) = R$ 80,00 |
| Kat. 6-Handikapuloj, Eksterlandano kaj infanoj ĝis 12-jaraj: senpage | | |

NOTO: Perĉekaj pago al ASSOCIAÇÃO BAHIANA DE ESPERANTO. Perbanke al Konto nº 010.002994-9 Agentejo 0006-X, Banco do Brasil

TELEFONO POR PLIAJ INFORMOJ: (071) 143-2803, ĉiusabate, de la 9.00-a ĝis 12.00-a.

---

BRAZILA ESPERANTO-LIGO kaj ESPERANTO ASOCIO DE SAN-PAŬLO partoprenos en la Internacia Dujara Librofoiro de San-Paŭlo de la 29-a de Aprilo ĝis la 10-a de Majo 1998. Temas pri grava okazo por diskonigado de Esperanto loke, regione, nacie kaj internaci-skale. Kompreneble, por la tiucelaj laboroj necesas la entuziasmo, la sindediĉo kaj la Kunlaboremo de la esperantistaro. Tial, ni kalkulas je la deĵorado de pluraj geesperantistoj en la stando de BEL/EASP dum la librofoira periodo. Se vi deziras partopreni la dumfoiran deĵoradon bonvolu kontakti BEL aŭ EASP kiel eble plej baldaŭ.

TELEFONOJ: (061) 226-1298 kaj (011) 3862-1183.

## CENTJARIĜO

ĈAR EN LA 12-a DE APRILO NI FESTAS LA CENTJARIĜO DE LA UNUA TEKSTO PUBLIKIGITA EN ESPERANTO EN BRAZILO, FARE DE ARTHUR DE AZEVEDO, KIU PUBLIKIGIS EN GAZETO "O PAIZ" LA TEKSTON DE LA "PATRO NIA", LA INFORM-DEPARTEMENTO DE BEL PLANAS ELDONI ELEGANTAN POŜTKARTON KUN LA TEKSTO DE LA "PATRO NIA" KAJ DORSE KLARIGOJN PRI LA OKAZAĴO. ĈAR LA TEKSTO ESTAS FACILE KOMPRENEBLA EN LA PORTUGALA, ONI PETAS KE LA GEESPERANTISTOJ KAJ ŜTATAJ ASOCIOJ AMASE AĈETU LA KARTOJN KAJ DISSENDU ĈEFE AL LA AMASKOMUNIKILOJ.

# "TRADUKO-JUKO" KAJ "VORTARO-BARO"

Verŝajne pluraj bonaj tradukistoj, instruistoj kaj vortaristoj legos ĉi tiun artikolon. Sed ili ne estas niaj cel-legontoj. Nia celo estas konvinki Esperantajn komencantojn kaj novulojn, ke por ektraduki ili devas atendi sufiĉan maturiĝon por senprobleme transiri la vortaro-barojn, kiujn ili certe trovos. Al la veteranoj ni nur petas helpon: laŭeble klarigi kaj diskonigi ĉi tiun artikolon inter novuloj.

Ĉi tiu artikolo estas la tria, kiun ni verkas por Brazila Esperantisto pri tradukaj kaj vortaraj stumbloj. En la unua ("ŜORBETOJ" KAJ "RIO-DE-ĴANEJRIANINETOJ") ni petis, ke *vortaristoj procedu pli kritike*. En la dua (GRANDAJ KATOJ KAJ MALĜUSTAJ TRADUKOJ) ni montris, kun abundaj ekzemploj, ke por traduki ne sufiĉas koni vortojn: ***lingvo-simboloj ne anstataŭas la realaĵojn, sed fingro-montras ilin***. Ĉi tiun trian artikolon ni dediĉas precipe al tiuj, kiuj, malgraŭ sia flav-bekeco, sentas la nevenkeblan "jukon" de traduko. Ni provos, iom rapide, helpi ilin akiri la plej taŭgajn "traduk-helpilojn" por transsalti la plej kutimajn tradukajn "barojn" kaj "enfalujojn".

Antaŭ ol pritrakti la hodiaŭan temon, estas necese aldoni informon, kiun ni ĵus trovis, pri unu el la "grandaj katoj" de ni priskribitaj last-foje, nome GEPARDO. Finfine, ***aperis la portugallingva vortaro, kiu "kulpas" pri la eraro de IGB, kiu fluis senŝanĝe al la novega "kompleta vortaro" de FEB***. Tiu "kulpulo" estas la 5-voluma DICIONÁRIO CONTEMPORÂNEO DA LÍNGUA PORTUGUESA de Caldas Aulete (Eldonejo DELTA, 1958). En ĝi legiĝas:

> LOBO-TIGRE, s.m. quadrúpede pouco maior que a pantera, e que se encontra na Ásia e na África; hiena-malhada.

Kaj, en la sama volumo, ankaŭ legiĝas, en alia artikolo:

> HIENA, s.f. (zool) gênero de mamíferos carniceiros e digitígrados, que compreende algumas espécies fósseis e as seguintes vivas: a hiena-malhada .... chamada também *lobo-tigre*, a hiena-escura ....; e a hiena-raiada ....

Fariĝas nun tre klare: la malnova portugallingva vorto *lobo-tigre* fingro-montras du malsamajn bestojn (ambaŭ kun bildo en nia lasta artikolo): GEPARDO aŭ ĈASLEOPARDO (*Acynonix*); kaj MAKULITA HIENO (*Crocuta*).

* * *

Ni nun direktas nin al la flav-bekuloj kun traduko-juko. Kaj al ili ni donas la jenajn konsilojn:

1. ***Neniam blinde fidu dulingvajn vortarojn***. Okaze de dubo, komparu la signifojn en unulingvaj vortaroj (preferinde kun bildoj).
2. Se en matematiko "DU KVANTOJ, EGALAJ AL TRIA KVANTO, EGALAS INTER SI", en vorto-listoj kun tradukoj tiu aserto fariĝas enfalujo. Unu ekzemplon vi ĵus vidis ĉi-supre: 1) "*lobo-tigre* = GEPARDO"; kaj 2) "*hiena-malhada* = *lobo-tigre*"; sed "GEPARDO = *hiena-malhada*" aŭ "*hiena-malhada* = GEPARDO" estas komplete malĝusta konkludo en la vortaro de IGB kaj en tiuj de FEB. ***Niaj sindonaj kaj laboremaj vortaristoj estis kaptitaj en enfalujo, pro tio, ke ili ne konis la du malsamajn realaĵojn, kiujn tiu arkaikiĝinta portugallingva vorto fingro-montras***.
3. Se dulingvaj vortaroj estas foje danĝeraj, ***dulingvaj vortaretoj en lernolibroj povas fariĝi eĉ pli danĝeraj***. Precipe kiam tiuj vortaretoj iras de lingvo al lingvo unuvorte, kiel tablo-tenisa pilko:

**1**

| | |
|---|---|
| TRI – três | LIBRO – livro |
| DIMANĈO – domingo | TABLO – mesa |
| JANUARO – janeiro | BLUA – azul |
| VINTRO – inverno | VERDA – verde |

**2**

| | |
|---|---|
| ATENDI – esperar | BERO – baga |
| KONI – conhecer | DOMO – casa |
| HELA – claro(a) | ESTI – ser |
| VORTO – palavra | TUKO – pano |

Ĉi-supre, ***la unuan vortareton oni povas konsideri bona***. Numeroj, tagoj de la semajno, monatoj, sezonoj, simplaj koloroj, objektoj, kiel LIBRO kaj TABLO (en normala interparolo), ***fingro-montras la samajn***

*realaĵojn*. La fakto, ke *inverno* en la brazila nordoriento ofte signifas pluva tempo (eĉ se ne vintre), kaj ke la diferenco inter BLUA kaj VERDA (en ĉiuj lingvoj) varias de persono al persono, tute ne detruas la bazan ekvivalentecon en la unua vortareto.

Sed *la dua vortareto estas malbona, ĉar, estante nekompleta, ĝi fariĝas misgvida. Esperar* povas signifi ATENDI, kaj ankaŭ ESPERI; *conhecer* povas signifi KONI kaj EKKONI; *claro* povas signifi HELA kaj KLARA; *palavra*, VORTO kaj PAROLO; *baga*, BERO kaj ŜVITGUTO; kaj *em casa* signifas HEJME, kaj ne DOME. Kaj, kontraŭdirekte, ESTI tradukiĝas ne nur kiel *ser*, sed ankaŭ kiel *estar* kaj *haver*; kaj TUKO tradukiĝas foje kiel *pano* kaj foje kiel *toalha*. Prezenti tiajn plursignifajn vortojn kiel unusignifajn estas, en nia opinio, ne nur trompa rilate al la facileco de lingvo-lernado, sed ankaŭ ĝena por la estonta progreso de la lingvo-lernanto.

Pri lernado de vortoj oni povas kompari tri tre konatajn librojn eldonitajn de KULTURA KOOPERATIVO DE ESPERANTISTOJ: "Curso Prático de Esperanto" (tri eldonoj kaj pluraj dekmiloj da ekzempleroj) "Junul-Kurso" (ses eldonoj kaj ankaŭ multegaj ekzempleroj), kaj "Esperanto Conversacional". La du unuaj estas delonge elĉerpitaj adaptaĵoj al la portugala lingvo, kiujn KKE ne planas reeldoni (!!) La alia estis originale verkita portugale. *Ni pritraktos ĉi tie nur la prezenton de vorto-signifoj*. En la du unuaj libroj, ĝi estas farita pere de bildoj; en la alia, pere de "tablo-tenisaj vortaretoj". Kaj ni nun komparos du ekzemplojn, unu el JUNUL-KURSO kaj unu el ESPERANTO CONVERSACIONAL.



JUNUL-KURSO (1983)

LA KOLOROJ – As cores

| | | | |
|---|---|---|---|
| BLUA | – azul | ROZA | – rosa |
| VERDA | – verde | BRUNA | – marrom |
| RUĜA | – vermelho | VIOLA | – violeta |
| FLAVA | – amarelo | GRIZA | – cinza |
| ORANĜA | – laranja | BLANKA | – branco |
| KAŜTANA | – castanho | NIGRA | – preto |

ESPERANTO CONVERSACIONAL (1997)

Ambaŭ elprenoj estis faritaj el la lasta eldono de la indikita libro. La unuan ne necesas komenti. Ĝi plaĉas al ni, ne nur laŭ estetika, sed ankaŭ laŭ pedagogia vidpunkto. Pro tio, niaj lernolibroj estas plenaj je bildoj, kaj ni ankaŭ verkis ORIGINALAN BILDVORTARON. Tamen bildoj ne estas la hodiaŭa temo. Kaj, pro tio, ni limigos nian komenton al la ĉi-supra "tablo-tenisa vortareto".

Pri sep el tiuj koloroj ne estas problemo: BLUA, VERDA, RUĜA, FLAVA, BRUNA, NIGRA kaj BLANKA. Tamen pri *cinza*, kiu signifas kaj CINDRO kaj GRIZA, ja estas problemeto, kiun la titolo de la vortareto iom solvas. Kaj ni atentigas, ke la portugalaj vortoj *gris* kaj *cinzento* ankaŭ bone tradukas la Esperantan GRIZA. Aliflanke, ORANĜO (*laranja*), ROZO (*rosa*) kaj VIOLO (*violeta*) rilatas al frukto kaj floroj, kiuj povas havi diversajn kolorojn. Estas oranĝoj verdaj, ruĝaj kaj flavaj; kaj estas rozoj blankaj, flavaj, ruĝaj ktp. Portugale, la vortoj *alaranjado* kaj *cor-de-rosa* estus pli precizaj. Kaj, Esperante, la vortoj ORANĜKOLORA, ROZKOLORA kaj VIOLKOLORA estas certe pli taŭgaj por komencantoj, ĉar ĉiuj scias, ke *ili rilatas nur al po unu el la ORANĜAJ, el la ROZAJ kaj el la VIOLAJ koloroj*.

Ni lasis por la fino la plej misgvidan vortoparon: KAŜTANA – *castanho*. *Ĝi estas la 12-a paro, sed en la listo estas nur 11 koloroj*, ĉar la portugalaj vortoj "*marrom*" kaj "*castanho*" fingro-montras unu solan koloron: tiun de la frukto, kiu nomiĝas "*marron*" (france) kaj "*castanha*" (portugale). Do la plej taŭga helpo al la lernanto okazus per la indiko: BRUNA = *marrom, castanho*. Kaj oni povas demandi, kiel la misgvidataj lernantoj nomus (Esperante kaj portugale) ĉokoladan kukon sen kovraĵo, kaj kukon el kaŝtanoj kun blanka sukera kovraĵo. Kiu el la du estas KAŜTANA KUKO? kaj kiu el la du estas "*bolo castanho*"? Ĉu la sama?

Resume, se vi estas pedagogo, ni petegas al vi: pli zorge verku dulingvajn vortaretojn! Kaj, se vi estas flavbeka tradukemulo: malfermegu viajn okulojn dum vi konsultas "tablo-tenisajn" vortaretojn!

Kontraŭe, vi ambaŭ estos englutitaj en tradukaj enfalujoj!

SYLLA CHAVES, 24.11.97



# Unua Sudorienta Esperanto-Renkontiĝo

De la 30 de aprilo ĝis la 3a de majo okazos la unua Sudorienta Esperanto-Renkontiĝo (SER) en la urbo Rio-de-Ĵanejro. Ĉi renkontiĝo celas disvastigi kaj vivigi E-movadon en la sudorienta regiono, kie koncentriĝas unu el la plej forta E-movado en Brazilo. Tie troviĝas la kvar ŝtatoj: Rio de Janeiro, São Paulo, Espirito Santo kaj Minas Gerais. Ili kunsidiĝos je la unua fojo por starigi strategian planon por antaŭenpuŝi Esperanton.

La renkontiĝa temo estas: Esperanto kaj Portugala Lingvo antaŭ la defio de tutmondigo. Jam konfirmis ĉeeston profesoro José Passini, kiu prelegos malferme de la evento en la nomo de Esperanta lingvo kaj nome de la portugala lingvo prelegos la nuna prezidanto de la ĵus centjariĝinta Brazila Beletra Akademio, profesoro Arnaldo Niskier (Konfirmota). Krome, okazos simpozio, kies kunordiganto estos profesoro Alberto Chueiri (DEG, konfirmota) kaj inter la simpoziantoj, flanke de Esperanto estas profesoro José Passini kaj profesoro Sylla Chaves kaj nome de la portugala, profesoro kaj gramatikisto Evanildo Bechara (konfirmota). Alia Grava programero estas la laborkunsido pri la E-movado niaregione subgvide de la prezidantino de Brazila Esperanto-Ligo Symilde S. Ledon.

Ĉar ne nur el laboro vivas la homo la Organizantoj programas por la lasta tago promenadon al la du plej konataj turismejoj de Rio: Sukerpano kaj kristostatuo. La partoprenantoj elektos kiu el ili li/ŝi volos viziti. La renkontiĝo okazos en kvartalo, nomata Catete (Katete), lokiĝinta en la suda regiono de Rio. Ĝi estas kvartalo por meza klaso ekonomie, kie troveblas bonaj hoteloj por ĉies gusto, popularaj restoracioj (ankaŭ luksaj), teatroj kaj alternativaj kinejoj, kie spektiĝas ne nur laŭmoda filmo usoneca.

Proksime de la kongresejo troviĝas la konstruaĵo Palácio do Catete (Palaco de Katete). Fama sidejo de brazilaj registaroj ĝis la duono de ĉi tiu jarcento, nuntempe ĝi funkcias kiel muzeo kaj kultura centro. En ĝi oni ankoraŭ sentas la tiamajn etosojn, kie travivis kaj regis pluraj brazilaj prezidintoj, krome, en la muzeo, diversaj ĉambroj vizitindas art-ekspoziciojn, kelkfoje tre avangardaj. Ankaŭ vidiĝas teatro kaj kinejo. Ekstere longa kaj bela ĝardeno estas vidinda.

La ĉirkaŭaj Konstruaĵoj estas similaj, oni klopodas teni iaman stilon. Eĉ ekzistas leĝo, kiu favoras al tiuj, kiuj konservas la eksterdoman aspekton. Dum la kontruado de metroo-linio en Rio en la sepdekaj jaroj tiu kvartalo mergis en profunda necerteco pri sia identeco. Nuntempe, la tiu loĝ-kavartalo belaspektas kaj krom la Palaco de Katete, estas vizitindaj diversaj aliaj kulturdomoj kaj muzeoj, nome: Kultura Centro Castelinho (Kasteleto), Domo de Folkloro, Muzeo pri Telefono, pluraj kinejoj kaj teatroj.

Apud kvartalo Catete situas Parque do Flamengo (Parko de Flamengo), unu el plej vastaj parkoj en la mondo, ĝi taŭgas kiel promenejo, kaj praktiko de sportludado. De la marbordo oni povas ĝui unu el la ĉefaj vidaĵoj en Rio: la enirejon de Baía de Guanabara (Gŭanabara Golfeto) la enseada de Botafogo (golfeto de Botafogo) kaj la ege faman sukerpanon.

La partoprenontoj de la renkontiĝo ne nur profitos la proksimecon al la urbocentro kun ties kulturaj arkitekturaj allogaĵoj, sed ankaŭ la belaĵojn de la suda regiono kun ties belaj plaĝoj.

Krom tio ne forgesindas la libroservo de Asocio Esperantista de Rio-de-Ĵanejro (AERĴ), kie troviĝas freŝaj eldonoj precipe la ĵus lanĉitaj libroj de la eldonejo Fonto, kiu surmerkatigis bonegajn librojn de famaj aŭtoroj, kiaj Machado de Assis, Guimarães Rosa, Gabriel Garcia Marques, Pablo Nerruda k.m.a., sen paroli pri kurso por komencantoj kaj konversacia rondo, gvidotaj de spertaj instruistoj.

Ni ne povas ne diri, ke SER iras laŭ vojoj indikitaj de kampanjo 2000.
Tial la malfermo kaj simpozio estos en la portugala lingvo, por ke ĉiuj ĉeestantoj povu partopreni en la debato.

Haron Jacob / Ilmar Gomes

# FUNDAMENTAJ ASPEKTOJ DE LA HISTORIO DE DUQUE DE CAXIAS

Unu el la grandaj industriaj polusoj de Ŝtato de Rio-de-Ĵanejro estas Duque de Caxias. Ĝia hitorio, laŭ Antonio Izaias da C. Abreu en la dokumento "Municipoj kaj Fluminensaj Toponimoj", ĝi intermiksa kun São João de Meriti, kaj ĝia historio estas parto de ĝi ekde la kreo de la vilaĝo S. J. Batista de Trairaponga. Laŭ iuj aŭtoroj, la invado kaj esploro de la regiono sur kiu sin etendas la Rivero Meriti al Estrela aŭ Inhomirim, kaj de la golfeto Guanabara al la piedo de la montaroj okazis tuj post la elpelo de la francoj de Rio-de-Ĵanejro, epoko de la distribuo de la unuaj terpecoj nekulturitaj al tiŭj, kiuj partoprenis de la milito inter la favoritoj estis Brás Cubas. Komence, la unuaj koloniistoj sin fiksis ĉe la bordoj de la riveroj Meriti, Sarapuí kaj Estrela. Ĉe la marbordo oni ekkomencis la esploradon de la grundo kaj de la naturriĉaĵoj. Kiam la regiono estis jam iom loĝata la religia manifesto ekkomenciĝis, tra la kreo de unu katolikpreĝejo dediĉita al kulto de Nossa Senhora do Pilar, paroĥe altigita en la jaro 1637. Dek jaroj poste ekaperas la vilaĝo S. João de Trairaponga, nune, São João de Meriti. Tamen, en la areo de Duque de Caxias, laŭ José Lustosa, elstara historiisto kiu tie naskiĝis, la socireligia manifesto pli formala okazis kiam la paroĥestro Antonio Martins Loureiro ekkomencis la konstruon de iu templo, kie hodiaŭ situas la preĝejeto Santa Terezinha. Sed, laŭ paso de la jaroj, la templo ruiniĝis kaj restis en forlaso. Nunjarcente, aperas pastro Guilherme Müller, episkopo el Barra do Piraí kiu solvis savi la konstruon. Sub liaj kostoj li restaŭras tiun historian monumenton. En la unua de Septembro, 1930 oni celebris, denove meson en tiu templo kiu, fakte estis la unua konstruita kun socia graveco en teritorio kiu hodiaŭ nomiĝas Duque de Caxias...

Post la abolicio de la sklaveco, en la periodo kiu sekvis, pro la malĉeesto de homoj por alfronti la laboron, la respondeculoj estis devigitaj dungi sennombrajn grupojn da loĝantoj kaj koloniistoj venintaj de la elmigraj kamparaj lokoj de la Ŝtato Rio-de-Ĵanejro kaj de aliaj regionoj.

En la 14-a de Marto, 1931, sub la dekreto 2559 de tiu sama dato, Duque de Caxias dismembriĝis de São João de Meriti kaj fariĝi unu plia distrikto de Nova Iguaçú, kies sidejo situis ĉe la malnova stacidomo Meriti. Konsiderante la progreson en la sekvantaj jaroj ĝi estis altigita al la kategorio de municipo. Tio okazis en la 31-a de Decembro, 1943, sub la nomo de Duque de Caxias.

Daniel Peliz

# Internacia Semajnfino en Usono

La kvara Aŭtuna Renkontiĝo Esperantista en Ludlow, Vermonto (Usono) realiĝis la 11-13an de oktobro. Kuniĝis ĉe la komforta montara feriejo Okemo diversaĝa grupo de pli ol 70 homoj el kvin landoj, inkluzive de honorataj gastoj ges-roj Claude-Piron. Krom prelegoj, kursetoj, librovendado, promenoj, ludoj, muzikado, kaj aliaj plezuraĵoj okazis riĉa kultura vespero kiu alportis i.a. lumbildajn programojn, literaturan omaĝon al E. Privat originalan teatraĵon, kaj tutgrupan kant- plantadon de napoj. D-ro Piron mem regalis per kelkaj kantoj.

En sia dimanĉa ĉefparolado "Esperanto: kiaj perspektivoj?" d-ro Piron bone komprenigis per ekzemploj, ke efektive neniu povas antaŭvidi la estontecon de la lingvo. Li priparolis ties geniaĵojn kaj sian profundan kredon ke E-o malgraŭ portempaj sortobatoj neniam povos morti, sed samkiel ekz. rilate "arabajn " ciferojn, ĉiuj iam rekonos ĝian superecon kiel komunikilo.

La tuta aranĝo impresis tre granda, vigla, kaj diversa kun multaj infanoj, bonegaj parolantoj, kaj seriozaj interesitoj. Precipe dank ' al Normand Fleury kaj Zdravka metz de Montrealo (Kanado), la ĉijara afero aparte bone sukcesis.

Venontjare OKEMO98 okazos samloke la 10-12an de oktobro.

Bill MAXEY
Post Office Box 36
Powhatan, VA 23139
USONO

INFANOJ EL BRAZILO

Sendu al mi vian foton.
Mi estas ano de grupo de kvakeraj infanoj. Ni kunvenas dimanĉe.

Ni deziras havi amikojn tra la mondo. Ni fiksos iliajn fotojn ĉirkaŭ mapo de la mondo.



Shopie Stainer
Garden Cottage
Fountain Lane
Winscombe
Somerset
BS25 1LS
Britio

# Malgranda Historio de Antropologio

### 1 - Difino kaj Ekesto

Antropologio esta scienco kiu studas homan kulturon. Ĝia celo estas organizi kulturajn sistemojn el kulturaj faktoj, aŭ, alivorte, trovi en kultura diverseco la homaran unuecon.

Scivolemo pri diverseco ne estas nova. Eble, ekde prahistorio, homoj volis scii kiel vivis aliaj popoloj. Antikvaj civilizacioj, kiel Egiptoj kaj Babilonoj, lasis tekstojn pri tio. Herodoto, Tacito kaj Cezaro, inter aliaj, skribis gravajn verkojn pri siatempaj fremdaj popoloj.

Dum la Mezepoko, pro kompreneblaj kaŭzoj, ne estas en Okcidento memorindaj verkoj pri tiaj temoj krom la "Miliono"de Marko Polo. Nur kiam komenciĝis la "Grandaj Navigacioj", seriozaj pensistoj en Eŭropo interesiĝis pri rakontoj de maristoj kaj, precipe, pri raportoj de enŝipaj skribistoj. Montaigne eĉ intervjuis indiĝenojn tupinambaojn translokitajn de Brazilo al Francio kiel trofeoj de franca mararmeo. Sur tia bazo, dum XVIII-a jarcento, "Iluministoj", ĉefe Montesquieu kreis la teorion pri "Bona Sovaĝulo", laŭ kiu ju malpli "civilizita" des pli bonkoraj estus homoj.

### 2 - Evoluista Fazo

En XIX-a jarcento, sub influo de Novkoloniismo, ekesto de arkeologio kaj biologia klasifiko de homo kiel speco, antropologio iĝis scienco precipe per la verkoj de Lathan, Morgan, Engels kaj Marks.

Tiuj, eĉ esplorante pri neeŭropaj popoloj, vere traktis pri ekesto kaj evoluo de Eŭropa civilizacio. Tio okazas ĉar ili kredis kiel principo, ke ĉiaj popoloj progresus laŭ la sama maniero, kelkaj pli rapide ol aliaj, sed al la sama celo, studi la "primitivajn" popolojn kiuj uzis ŝtonilojn, estas, por ili, la samo ol studi eŭropanojn.

Iom post iom, novaj scioj faligis kredon pri prekonceptaj aprioraj sistemoj. La "primitivaj" kulturoj montris sin pli malsimplaj ol oni pensis, kaj aperis koncepton laŭ kiu ĉiaj kulturoj evoluis laŭ sia propra vojo. Ekestis nova fazo en antropologio: la komparativa.

### 3 - Komparativa Fazo

Dum komparativa fazo de antropologio, la celo estis trovi bazajn strukturojn de socio, kiuj estus eternaj kaj ĉieestantaj. Por tio antropologoj komparis morojn el diversaj kulturoj malsamaj en la tempo kaj en la spaco. Do, se oni volis studi, ekzemple, familistrukturon, oni povas kompari familion en Romia, Rusa kaj Brita imperioj al familio en Svedio, Brazilo kaj Alasko dum XX-a jarcento.

La ĉefaj verkistoj de tiu fazo estis Durkheim, Fraser (Kiuj ĉefe skribis pri religio) kaj Mauss.



### 4 - Klasika Fazo

Ĝis la komenco de XX-a jarcento, antropologoj bazigis siajn studojn sur skribaĵo de malnovaj verkistoj aŭ raportoj de vojaĝantoj. Dumas, Rivet kaj Mauss ricevis informojn de pastroj, komercistoj aŭ militistoj kiuj loĝis en koloniaj teritorioj, sed ili neniam iris vidi la popolojn pri kiuj ili verkis.

Tuj post la Unua Mondmilito, usonanoj klopodis apliki Antropologion al esplorado de indiĝenoj en Nordameriko kaj en siaj posedaĵoj en Pacifiko. Ili celis faciligi rilatojn inter administrantoj kaj indiĝenoj, senigante miskomprenojn kaj ebligante oficialajn programojn, aŭ alivorte, ili esploris por pli bone ekspluati.

Konstatante ke antropologiaj usonaj informoj, malgraŭ neneŭtrala celo, estas pli taŭgaj kaj kompletaj, eŭropanoj pretiĝis vojaĝi por fari kampesplorojn.

Francoj preferis studi Afrikon Latinamerikon, vojaĝante en grandaj grupoj kaj portante multajn ekipaĵojn, kun pagitaj informantoj kaj registara apogo. Krome ili vere ne konsideris kampesploron kiel esenca, sed nur helpa laboro. El ili menciinda estas Levi-Strauss.

Angloj, male, elektis labori en malgrandaj grupoj; multfoje la esploristo restis sola en vilaĝo indiĝena. Kiel usonanoj, ili preferis la Pacifikajn insulojn, sed ne havis tiel pragmatajn celojn. Pro tio, ili elektis izolitajn popolojn, for de administraj centroj, preskaŭ sen kontakto ne nur kun eŭropanoj, sed ankaŭ kun aliaj indiĝenoj .

Tiaj antropologoj havis la klasikan imagon de esploristo sola en indiĝena medio, loĝante tie dum jaroj ĝis kompreni profunde la socion kiun ili studis. Tia studmaniero permesis al anglaj serĉantoj, ĉefe Malinowski kaj Radkliffe-Brown, elpensi sociojn kiel kompletaj, kiuj ne estis materiigo de generaj modeloj, eĉ ne evidente, simplaj simpligoj de Eŭropa socio.

Paradokse, kompreno de tiaj malgrandaj (laŭ loĝantaro) socio kiel kompletaj sistemoj, permesis klarigi problemojn de grandaj socioj, ĉar oni konstatis, ke institucioj estas intime ligataj inter si, igante sistemojn. Sur tiu koncepto la Strukturalismo kaj Funkcionalismo baziĝas.

**5 - Moderna Fazo**

Post Dua Mondmilito, Antropologio krizis . Tia krizo havis du flankojn, la metodologia kaj la krizo de manko de studobjekto.

La metodologia krizo estis nevera krizo, aŭ pseŭdokrizo, starigita de "Malvarma Milito". Ĉar Usono adoptis Functionalismo kiel "oficialan" teorion, marksistoj decidis do krei marksisman Antropologion, sed la malsamecoj estis nur surfacaj, ĉefe pri lingvaĵo kaj bibliografio, krom, evidente, politikaj pozicioj. Metodologie, Strukturalismo, Funcionalismo kaj Marksismo en Antropologio daŭris tre similaj, male al tio kio okazis en aliaj socisciencoj, kiel Sociologio, ekzemple.

La krizo de manko de studobjekto estis pli grava, ĉar dum jarcento XX-a antropologoj zorgis pri sovaĝuloj, sed, en la 1960-a jardeko estis pli da antropologoj ol da indiĝenaj popoloj en la mondo. Krome, la plejparto de tiuj jam estis studitaj de eminentuloj.

Pro tio, antropologoj serĉis novan kampon por studi. Tiel, antropologio ekinteresiĝis pri kamparanaj grupoj de okcidenta socio. Tio rilatas al deziro apliki konojn akiritajn al nia propra socio, krom al konstato pri simileco inter kamparanaj vilaĝoj, laŭ sia relativa izoleco, al "primitivaj" vilaĝoj kie antropologoj laboris.

Kelkajn jarojn poste, oni konstatis, ankaŭ en grandaj urboj, izolitajn grupojn: etnokvartaloj de nigruloj (en Usono), de azianoj (en Anglujo) kaj de judoj (en orienta Eŭropo), inter aliaj, kiuj ebligus aplikadon de antropologiaj metodoj pro sia izoleco rilate al ekonomio kaj kulturo.

Natura evoluo estis, en la 1970-a jardeko, la studo de ne tiom izolitaj grupoj, neetnaj kavartaloj, laborejoj, ktp. Tiel post la 1980-jardeko, Antropologio sukcesas prezenti metodojn por studi ne nur malgrandajn grupojn, sed ankaŭ grandajn sociojn, kaj la tutan homaran kulturon.

Roberto da Silva Ribeiro

# Kiu lingvo por la mondo?

Jen la temo kiun mi volas pritrakti: demokratio kaj internacia lingvo. Ĉu indas okupiĝi pri utopiaj temoj? Ĉar por ni, loĝantoj de distrikto Barão Geraldo en Campinas aŭ de Latinameriko, demokratio estas nur utopio.

Sufiĉas atenti, ke unu el la landoj kun plej longa demokratia tradicio, Argentino, atingas sian rekordon de demokratia kontinueco: mizeraj 14 jaroj, ĝenataj de la ŝarĝoj pro eksterlanda ŝuldo kiu triobliĝis dum la lasta diktaturo. Kostariko eble estas la escepto al tiu regulo.

Ĉu vi jam imagis se la elektro en via domo funkcias dum kelkaj horoj kaj vi pagas pli da mono dum la neuzata periodo? En Usono kaj Francio, dum la lastaj du jarcentoj nur la milito, tiu granda buĉanto de demokratio, interrompis kaj lasis intervalojn de 22-52 jaroj ĝis la venonta katastrofo.

Sed demokratio estas unu el tiuj tre ampleksaj vortoj, kiel Amo, Dio, Patrujo, kiuj povas signifi multon aŭ nenion, depende de la ideo, kiun ĉiu el ni havas pri ili. Por mi, ĝi signifas egalajn oportunojn, rajtojn kaj devojn. Ĝi estis kreita en Antikva Grekio, antaŭ pli ol du mil jaroj, por socia klaso kiu sklavigis aliajn. Tio estas, ĝi ne naskiĝis ĝenerala kaj universala. Kiel ĝi restas nuntempe?

Mi jam menciis du landojn kies interna strukturo plej inklinas al la egaleco de oportunoj, devoj kaj rajtoj. Tio okazas interne. Sed ekstere? Internacie, mi ne dubas, daŭre validas "la leĝo de la plej forta", kreita de elito sed influata de publika opinio. Mi koncentriĝos en detalo: la lingvo de internacia komunikado. Dum la okcidenta historio venis la greka, poste la Romia Imperio devigis la uzon de latina, pli poste la legioj de Napoleono trudis la francan, forta ĝis la Dua Mondmilito. Kaj tiel ni sekvas, lasante ke la plej forta trudu sian lingvon, kontraŭ la egaleco de oportunoj. Ne devus okazi al homo, kiu pasigis minimume dekkvin jaroj de sia vivo lernante kaj vivante la lingvon de siaj geparoj, diri al alia kiu ne kreskis uzante tiun lingvon: "-Mi ne komprenas vin"; "- Vi ne kapablas esprimi"; "Ĉu vi ne kapablas"kompreni la babiladojn en tiu kunsido?", "Ĉu vi ne konis tiun anekdoton? Ĝi estas tre aktuala!". Plej malbone: foje la interparolanto silentas pro timemo aŭ eĉ ne rimarkas, kiom li perdas pro nekompreneblecо.

Oni povas argumenti: "Sed iu lingvo devus elektiĝi, temas pri natura procezo". Mi ne povas konsenti pro du kialoj: ĉar la leĝo "de la plej forta", eĉ se ĝi estas natura, faras la homaron retropaŝi. Krome ekzistas bona solvo.

Ofte oni kredas esperanton "mortinta lingvo" aŭ "lingvo kiu volas anstataŭi la ceterajn". Male,anstataŭ eklipsi aŭ "pasteŭrizi" la kulturojn, per esperanto oni havas rektajn kontaktojn kun kulturojn kaj landoj pli forgesataj de la amaskomunikiloj. Oni ofte ricevas subtenon, kie ajn, per Esperanto. Tokio, ekzemple, havas 40 klubojn. En la flughaveno de Pekino, la angla estas senutila lingvo por aĉeti enlandan bileton, kiel okazis al mi dum la alveno.

Por havi bonan laborpostenon, koni duan lingvon estas avantaĝo. Kion pli mi povas diri? Ne utilas forelspezi tempon pro utopioj, ĉu ne?

José Joaquin Lunazzi

# Tago de Virinoj

Kroniko de Maria Almada

La jaro 1975-a estis dediĉita al la virina gento, mondskale. La celo estis egaligi ŝiajn rajtojn al la viraj: por la sama laboro, sama salajro, libera decido, rajto por studadi kaj okupi lokon en la societo, kiel la viroj.

Ekde tiam la virinoj akiris, siajn rajtojn kaj samtempe diversajn malvirtojn ankaŭ. La fama feministino, Simone de Beauvoir deklaris "La patrineco estas terura kaptilo por la virino"! Ĉar la virinoj dum longaj jarcentoj nur rajtis esti patrinoj kaj kuiristinoj.

Nuntempe ili enviciĝas en militservon, politikon, industrion kaj kulturon. Sed ĝis nun neniu kapablas ilin anstataŭi en tasko de naski filon, varti ĝin, ĉar ĝi iĝos plenkreska kaj anstataŭos ŝin fine en la societo, ĉar la vivo daŭras., kaj ŝi daŭrigas la vivo-vojon, libere aŭ ne.

En la esperanto-movado, grandnombre aktivas virinoj. Ĝi ja estas kultura organizaĵo kaj eduka. La movado sen la virina kunlaborado ne estus forta kaj vasta .

Volonte elstarigi la virinan agadon en la Esperanto-movado, mi mencios du aktivajn kaj de ni ĉiuj estimatajn virinojn kaj pere de ili omaĝi ĉiujn kunlaborantinojn en Brazilo kaj tra la Mondo.

Elstara, pro ŝia ampleska kaj kompleksa laboro en nia lando sam-ino SYMILDE S. LEDON, nuna prezidantino de Brazila Esperanto Ligo. Ŝi dum jaroj aktivis kiel ĉef-delegitino kun granda sukceso, pro ŝia organiza kapablo. Estas komitatanino "A" por la lando kaj redaktorino de Brazila Esperantisto kaj "La Lampiro".

Ŝi estas esperantista edzino de nia altestimata Gilbert R. Ledon, kaj patrino de tri gefiloj, kiuj perfekte parolas Esperanton. Ŝi organizas, vojaĝas ĉien por fortigi nian movadon kaj partoprenas UK-ojn por reprezenti nian landon digne.

Alia de ni ĉiuj ŝatata, laborema estas Elvira Fontes, instruistino, dum jardekoj ŝi instruas, prezidis la ŝtatan movadon, estas reprezentanto de ILEI, mondorganizaĵo. Ŝi estis jam komitatano "A", siatempe, verkadis artikolojn por la naciaj gazetoj estis vic-prezidantino de la Brazila Konsilantaro de Esperanto dum ĝia agado kaj ekzisto.

Pere de tiuj du kapablaj kaj elstaraj samideaninoj la "Brazila Esperantisto" salutas la Brazilaninojn, kiuj grandigas pere de ilia laboro nian movadon, okaze de la Virina Tago, 8-an de marto.

Same ni deziras, adiaŭi du samideaninojn, kiuj forlasis nin antaŭ ne longe, kun grandega bedaŭro, ĉar ili aktivis, mondskale en la Virina agado ili estas:

ADA FIGHIERA SIKORSKA, redaktorino de Heroldo de Esperanto dum jardekoj, el Italio kaj

ELSBETH BORMAN, el Germanio, ambaŭ nun enviciĝis en la organizaĵo de nia kara majstro Zamenhof ie, ilian foreston ni sincere bedaŭras.

# Bonvolu ridi... sed ne tro

## ANEKDOTOJ... de kaj pri esperantistoj.

- La unua venis el James R. Piton. Lia aŭtomobilo estis ŝtelita, kio estas tute normala afero en nia disfalanta sociordo. Tamen oni retrovis la veturilon. Kelkaj bagatelaĵoj estis deprenitaj kun tuta staplo da "El popola Ĉinio" kaj da "Brazila Esperantisto". Jen, facile, deduktis kvazaŭ detektivo, nia James: la ŝtelisto nur povas esti ĉina esperantisto. Estas sciate ke brazilaj esperantistoj ne interesiĝas pri "brazila esperantisto", ĉu ne? Do...

- La ĉi-postaj venis de nia senrida ŝerculino Maria Almada:

1-Zorga patro.

En akuŝejo sidas viro nervoza, senpacienca kaj dubema. Ĉe la pordo aperas flegistino kiu ridete diras: "Gratulon! Via filo naskiĝis!"

La patro: "Ĉu esperantisto?"

2 - Grupkunveno.

La prezidanto de grupo staras sola, antaŭ la malplena seĝaro. Sur la murtabulo estas skribite: "Hodiaŭ grupkunveno." Akurate, je antaŭkombinita horo, la prezidanto diras: "Hodiaŭ mi ŝatus kun vi diskuti pri la kaŭzoj de la nevenado al la klubkunvenoj."

La salono restis tute malplena.

- Kaj de nia sufisto Alan K. Mendonça kies sufi-poeto preĝas jene:

- "Via ĉeesto plenigas mian koron kaj mia animo estas tiom pasiigita, ke iu ajn ŝajnas al mi tiel, kiel vi..."

Viro preterpasanta aŭdis tion kaj demandis la poeton:

"Sed, se tiu estus azeno?"

- "Do, mi pensu, ke estas vi" - respondis la poeto.



# Letero de la Kasisto

Karaj amikoj

Salutojn! Jam pasis unu jaro depost nia estraraneco, kaj la rezultoj ĝis nun estas kontentigaj. Ni ne frontas deficiton, restas mono por fari multajn aferojn.

La stato en julio de 97 estas: ni havis 45 junajn membrojn (63%), 20 protektantojn (27%) kaj 7 patronojn (10%).

Nur en la kongreso en Ribeirão Preto ni kolektis la aliĝon de 19 homoj, tio signifas ke kvarono de nia membraro aliĝis dumkongrese.

Se vi interesiĝas aliĝi al **BEJO**, jen la avantaĝoj: junuloj pagos nur la duonan kotizon por partopreni kongreson en Salvador, ricevos Brazila Esperantisto-n, kaj krom tio, ricevos la ĵus reeldonitan Momenton plie protektantoj kaj patronoj ricevos Momenton, kaj de tempo al tempo niajn leterojn raportante niajn diversajn agadojn.

Se vi interesiĝas pri **BEJO**, petu de ni niajn aliĝilojn kaj la diversajn prospektojn: pri Pasporta Servo, Rebato Servo, Historio de **BEJO**, kaj aliaj produktotaj.

Rilate al kotizoj eblas aliĝi laŭ la jenaj kategorioj: 10 realoj por abonantoj, 20 por protektantoj kaj 50 por patronoj.

Ĝis!

Carlos E. de Oliveira

# 31ª Renkontiĝo de Esperanto de SudParaiba Valo

Okazis en la 8ª de februaro renkontiĝo en la urbo Campos do Jordão, SP, en la bieno Machu Picchu, tie **BEJO** budĉeestis kun siaj T-ĉemizoj, la famkonata Pasporta Servo, prospektoj, aliĝiloj, ktp La renkontiĝa etoso estis tre agrabla, la programeroj estis bonaj. Bedaŭrinde ne eblis fari promenadon pro la risko de pluvo, sed ĉio alia estis enorde.

Al tiu evento iris ĉirkaŭ 130 personoj el pli ol 20 urboj, la plej okulfrapaj karavanoj estis tiuj el la urboj São Paulo, São Bernardo do Campo, Campinas, Rio de Janeiro kaj Caraguatatuba, verŝajne laŭ tiu ordo. Estis multe da gejunuloj, al kiu poste okazis adresinterŝanĝoj por postaj kontaktoj kun **BEJO**.

Ĉe la budo de **BEJO** la plej granda intereso gravitis ĉirkaŭ Pasporta Servo, pri kiuj kelkaj partoprenantoj petis aliĝilojn kaj prospektojn. Certe en la venontaj renkontiĝoj kiujn **BEJO** ĉeestos, oni vendos la libreton Pasporta Servo-n.

Fine de la programo estis kunveno de estraranoj de Kultura Centro de Esperanto - Campinas, kaj de EASP por pritrakto de kelkaj aferoj pri la ĉijara Ŝtata Renkontiĝo de São Paulo, en la urbo Paulínia, pri kiu baldaŭ en la paĝoj de nia Brazila Esperantisto aperos pliaj informoj.

Carlos Eduardo de Oliveira

# ĈU BATADO EDUKAS INFANOJN?

De jarmiloj oni diskutas, ĉu bate puni infanojn efike edukas ilin. Eĉ en la Biblio oni rekomendas vipadon kiel taŭgan rimedon por fari ilin pli civilizitaj plenkreskuloj, tiel ke religiemaj homoj foje defendas tiun vidpunkton. Sed malofte oni esploris tiun aferon laŭ scienca metodo. Lastatempe (aŭgusto 1997), faka medicina revuo en Usono publikigis tri artikolojn, kiuj klopodas statistike demonstri la (mal) efikecon de tiu iom barbara universala inklino.

En la unua artikolo, oni taksis la efikon de batado (ne kaŭzanta lezojn) fare de 807 patrinoj, kun la celo korekti miskonduton de siaj 6- ĝis 9-jaraj infanoj. Post zorga statistika analizado oni konkludis, ke la infanoj, kiuj ricevis pli da batpunoj fariĝis ankoraŭ pli fikondutaj, post 2-jara periodo.

En la dua artikolo oni studis la konduton de infanoj batitaj inter la 4-a kaj 7-a aĝojaro, kaj oni ne sukcesis trovi ian ekstran inklinon al fikonduto, post kvinjara periodo - laŭ raporto de gepatroj kaj nombro da lernejaj konfliktoj.

En la tria artikolo, oni taksis la lernokapablon de tre junaj knaboj kaj knabinoj laŭ la severeco per kiu ili estis edukitaj. Oni konkludis, ke knabinoj estis pli sentemaj kaj pli intense suferis pro punado ol knaboj. Laŭ inteligentotestoj, knabinoj rigore traktitaj atingis malpli altajn nivelojn ol normale traktitaj knabinoj, je meze 8 poentoj. Krome, se la patrinoj estis konsideritaj 'malvarmkoraj', tiam la atingo malpliiĝis je pliaj 4 poentoj, kompare kun knabinoj de 'varmkoraj patrinoj.

Ĉu oni devas daŭre bati infanojn?

P.S. Viana



# En nia najbara Urugvajo

Tute ebena lando. Tiu estis la unua impreso, kiun mi havis pri Urugvajo, minutojn antaŭ la alveno al Carrasco, la flughaveno de Montevideo. La pensoj flugis kaj memorigis min, ke mi ja estas super "pampo", tiel oni nomas niajn sudajn stepojn. Same kiel la gaŭĉa kulturo, geografio karakterizas la brazilan landliman ŝtaton Rio Grande do Sul, Urugvajon kaj la nordorientan Argentinon. Dum la aviadilo alteriĝis, kun ĝi la pensoj revenis al firma grundo.

Verŝajne mi estis la sola brazilano en tiu flugo São Paulo-Montevideo, en pasintjara Oktobro. Amaso da urugvajaj pasaĝeroj daŭrigis sian vojaĝon el Eŭropo hejmen. Tutaj familioj atendis ĉe la doganelirejo kun kisoj, krioj, ploroj. Ĉu miaj amikoj esperantistaj trovos min meze de tiu homamaso? Mi atendis kaj lasis la dogankontrolon unue al tiuj kompreneble multe pli avidaj atingi la eksteron ol mi.

Tiamaniere estis facile, post iom da tempo, revidi la ridetantajn vizaĝojn de s-ro Aberto Barrocas kaj Arisbel Luberto, UEA-delegito kaj fakdelegito, kiuj atendis min kun afiŝeto. Tiaj bonvenigoj, fare de homoj, kiujn mi konas nur pro Esperanto jam valorus la lernadon de la lingvo. En tiu pluveta sabato ili veturigis min tra la longa vojo de la flughaveno ĝis mia hotelo en la urbo. En la hotelo mi restis unu tagon ĝis libera loko en mia rezervita junulargastejo. Kun tiuj du esperantistoj mi mallonge konatiĝis dum la brazila Kongreso en São Paulo 1993, sed nun ni tuj babilis kvazaŭ ni estus delongaj konatoj.

En la hotelo, dum mi atendis interkonsentitan horon kuniri kun ili al proksima kunvenejo de Urugvaja Esperanto-Societo, mi decidis ŝanĝis mian monon. Oni informis min, ke tio eblas en granda aĉetcentro Punta Carretas. Mi tien iris piede kaj komencis rimarki la arkitekturon de Montevideo. Tiu estis relative nova parto de la urbo, kaj mi atentis kelkajn signojn, ke la konstruaĵoj venas el la 30-aj jaroj. Nur poste oni montris al mi sur mapo la vojon, kiun mi faris: entute 40 domblokojn mi pretermarŝis, do tra preskaŭ duono de la ĉefa parto de la urbocentro, sed tion mi ne rimarkis pro la nur tri grandaj avenuoj kiujn mi laŭiris. Oni tuj konstatis, ke marŝadoj ne timigas min.

Vespere mi konatiĝis kun membroj de la landa asocio, UES-Urugvaja Esperanto-Societo, kaj mi revidis la brazilan edzinon de sinjoro Barrocas, Heliana. Ili venis, malgraŭ pluvego, por eta parolado kiun mi faris pri Internet kaj Esperanto. Estante mi inter pluraj junaj homoj, estis granda intereso pri la temo.

Bela suna dimanĉo okazis en la posta tago. Krom helpi min transloĝiĝi al la tre junetosa gastejo de strato Canelones, Arisbel Luberto akompanis min al la foiro de statoTristán Narvaja, kun budoj de legom-, frukto-, libro- kaj art-vendistoj okupantaj nekalkuleblan nombron da domblokoj. La foiro invadadas eĉ apudajn stratojn. Mi tre ŝatas esplori la buntecon de tiaj aranĝoj, kaj bonŝance mi havis la okazon esti en la urbo en dimanĉo. La foiro, speciale vidinda, fariĝis pli interesa pro la akompano de Arisbel, kiu klarigis iom pli pri la kutimoj de ni ne tre konata lando. Ni interŝanĝis la nomojn de vegetaloj en niaj lingvoj portugala kaj hispana, kaj li, vivinte en Meksiko kaj lingvo-ŝatanto, klarigis al mi la diversecon de nomoj kompare al la meksika varianto de la hispana, ofte pro influo de aztekaj radikoj.

En tiu tago mi povis ekkoni la centron de la ĉarma ĉefurbo. La tuta Urugvajo havas ĉirkaŭ 3 milionojn da loĝantoj, sed nur en la ĉefurbo, same granda kiel nia Curitita, loĝas 1,4 miliono. La lando "de los orientales" (de la orientanoj, pro ĝia pozicio rilate al la aliaj iamaj provincoj de la Plata baseno) estas laŭ areo komparebla al nia ŝtato Paraná. Iam ĝi estis konata kiel amerika Svislando, pro ĝia riĉeco ĝis la 30-aj jaroj. Tial la arkitekturo de tiu periodo estas nekredeble varia: turetoj, ornamitaj tegmentoj, mezaltaj konstruaĵoj, absolute diversaj stiloj, ĉio atestas ke oni mendis de eŭropaj arkitektoj siajn projektojn. Oni nun ne plu miras pri betonaj aŭ rektliniaj konstruaĵoj, sed tiuj de Montevideo estis siatempe tre avangardaj.

Kun la jam menciita gaŭĉa kulturo, fonto de la urugvajaj tradicioj, mi povis pli konatiĝi en speciala Muzeo, en belega trietaĝa restaŭrita konstruaĵo de la ĉefurbo. Multaj originalaj objektoj atestas pri la kutimoj de bienuloj kaj bovistoj. La unuajn signas arĝentaĵoj, la aliajn legaĵoj. Impone aspektas ekspozicio de antikvaj ĉevalrajdaĵoj kun arĝentaj ornamaĵoj, sur naturskalaj modeloj kiuj ŝajnas marŝi meze de salono.

Mi vojaĝis al Urugvajo kun aparta celo: kolekti materialon pri .la UNESCO-rezolucio kiu en 1954 unuafoje rekonis Esperanton. Tiu rezolucio estis proponita kaj akceptita en Montevideo dum Ĝenerala Konferenco de la Organizo. Por informiĝi pri tiu



konferenco mi devis foliumi ĉiujn ĵurnalojn de la urbo de tiu periodo (nov. -dec./54). Ja Esperanto menciiĝas en notetoj ṭie kaj tie, kaj en unu el la lastaj tagoj oni raportas pri la aprobiĝo de la rezolucio.

La evento okazis en *Palácio legislativo,* la nacia parlamento, kiun mi tuj vizitis. Ĝi estas tre bela palaco, kies eksteraj muroj bezonas purigon pro la tempospuroj. Interne tamen oni povas admiri, krom la solena etoso, la artan kunmeton de italaj marmoroj en la ĉefsalono. Sur tiu salonego okazis la laboroj de la konferenco. Multon mi kolektis ankaŭ en la Nacia Biblioteko de Urugvajo. Cetere mi ekhavis informojn, de esperantistoj kiel s-ro Barrocas kaj s-ro Rubens Barbieri, tiu lasta membro de la skipo kiu starigis ekspozicion pri Esperanto dum la tuta periodo de la konferenco. Ili rakontis al mi kiel la lokaj esperantistoj, gviditaj de nomo malmulte memorata, Manuel Fernández Menéndez, subtenis la laboron de la granda nomo antaŭ la UNESCO-sukceso: Ivo Lapenna. I.a. oni rakontis, ke en iu momento la paragvaja delegacio perdis sian estron. Oni levis la temon, ke Ivo Lapenna estu nomumita reprezentanto de Paragvajo (!), sed tio ne efektiviĝis. Rezolucio-proponoj devas esti prezentitaj de nacia delegacio en la konferenco, kaj nur imagu, la ĉefa nomo de Esperanto-movado en tiu tempo en la taŭga loko por mem defendi la aferon...

Vizitu la supron de la urbodomo, dudekkelk-etaĝa el ruĝaj brikoj kie estas publika rigardejo, la *"Mirador Panoramico"*. De tie oni povas vidi la tutan urbon, inkluzive la etan monton trans la rivero, kiu nomigas la urbon kaj kie troviĝas malnova fortikaĵo. Se vi ankoraŭ havas tempon, veturu ĝis la monteto, kaj vi havos belan vidaĵon al la urbo kaj al golfeto. Vi forgesos ke la Plata-rivero estas nur rivero. Oni kredus ĝin maro!

Unu el miaj lastaj programeroj estis vizito al muziklernejo kune kun Heliana Barrocas. Pro ŝia invito mi spektis perkuto-lecionon en kiu oni instruas muzikistojn ĉefe pri *candombe* [pron. *kandonbe*], la nacia ritmo de Urugvajo, heredita de sklavoj same kiel nia sambo. Sed en la urbo estas ankaŭ forta tango-tradicio.

Al Bonaero kaj plu

Mi ekvojaĝis al Bonaero (Buenos Aires). Per buso, pruviĝis la realo de urugvajaj demografiaj ciferoj: tre longaj distancoj inter unu vilaĝo kaj alia, kaj belaj kamparoj malmulte okupataj. Colonia del Sacramento estas kolonia urbo konstruita de portugaloj, kiun mi volas nepre iam viziti. Oni diris al mi, ke ĝi estas unu el la plej bone konservitaj koloniaj urboj de la tuta kontinento. Sed mi nun tien iris nur por atingi la havenon de rapidaj boatoj al Bonaero, Argentino. Per rapida boato mi bezonis 55 minutojn de vojaĝo tra tiu plej mallarĝa parto de la enfluejo de la rivero.

Bonaero jam estis konata de mi, do mi rapide elturniĝis kaj trovis Senatejon, kie okazos la Argentina Kongreso. Kaj mi denove estis "hejme": tuj en la eniro, pluraj konataj vizaĝoj de brazilaj kaj argentinaj amikoj... Vojaĝi estas la plej agrabla maniero konstati, ke Esperanto funkcias. Bedaŭrinde ne ofte oni povas tion fari, ĉu ne?

Tute bonŝance, profesia vojaĝo ankoraŭ en tiu sama monato Oktobro permesis al mi gustumon de la plej vera fromaĝ-fandaĵo kaj konatiĝon kun famaj esperantistoj. Cetere mi konstatis, ke la angla ne estas tiom disvastiĝinta eĉ ne en Eŭropo. Sed tion mi rakontos nur en la venonta numero.

James Rezende Piton, Campinas

## DEZIRAS KORESPONDI

Gabriel Odobescu
24-jara arkitekto
Bl. 60, Sc. C., Ap 15
1900 Timisoara
Rumanio

Carlos A. Miranda Bravo
Calle Los Amacaes, 633
Urb. Jardines Virú
Bellavista, Callao Z, Lima
Peru

# KANTO DE LA TERO

(Cora Coralina)

Mi estas la tero, mi estas la vivo.
El mia unua argilo venis la hom'.
El mi venis la virin' kaj venis la am'.
Venis la arbo, venis la fonto.
Venas la frukto kaj venas la floro.

Mi estas la origina fonto de ĉiu vivo.
Mi estas la planko kunligita al via domo.
Mi estas la tegolo, kiu kovras vian hejmon.
La konstanta akvofonto el via puto.
Mi estas la nobla spiko por via brutaro.
Kaj la trankvila certeco por via peno.
Mi estas la kialo de via vivo.
El mi vi venis per la mano de la kreinto,
Kaj al mi vi revenos je la fino de via laboro.
Nur ĉe mi vi trovos ripozon kaj Pacon.

Mi estas la granda universala patrino.
Via filino, via fianĉino kaj edzino.
La virino kaj ventro kiujn vi fekundas.
Mi estas la grundo, la gravedeco, mi estas la am'.

Al vi, terkulturisto, ĉion mian.
Via plugilo, via falĉilo. via hakilo.
La eta lulilo de via filo.
La kotono de via vesto.
Kaj la pano de via domo.

Kaj je unu tago tre malproksima
Al mi vi revenos.
Kaj en la patrina bedo de mia sino
trankvile vi dormos.

Plantu ni la kampon
Plugu ni la grundon
Zorgu ni la neston,
La brutaron kaj la silon.
Multon ni havos
Kaj posedantoj de la bieneto
Feliĉaj ni estos.

(trad. Ronaldo de Oliveira)



# Kolekto 2000

Vinilkosmo (la diskeldonejo de EUROKKA) jam dekjariĝas, kaj pro tio, kunlabore al la Kampanjo 2000, ĝi lanĉas la projekton Kolekto 2000.

Temas pri kompakta disko-kolekto, kiu startos en nia suda aŭtuno 98 ĝis la jaro 2000 aŭ 2002.

La celo de la projekto en tiu intertempo estas la lanĉo de almenaŭ 10 KD, ĉiuj kun 6-8 titoloj el diversaj esperantistaj artistoj.

Bone, jam en nia Universala Kongreso estos pretaj 2 KD, la unua (lanĉota ĝis majo), estos de "JoMo", la dua lanĉota ĝuste dum UK en Montpellier enhavos kantojn de "Brassens" en esperanto, interpretitaj de "Jacques Yvart".

Pluraj esperantaj bandoj jam interesiĝis pri la projekto, inter ili "La Kompanoj" (Francio) kaj la famkonata "Persone" el Svedio.

Tiu projekto estas tre grava, ĉar ĝi intencas plikreskigi kaj pliriĉigi nian esperantan kulturon en arta, profesia kaj ĉefe teknika kvalito. Tio estos la elmontro pri la ekzisto de esperanto kiel vivanta lingvo, pruvo ke ĝi havas kulturon, kio estas tre grava por nia komunumo kaj ankaŭ por neesperantistoj.

Tial Eurokka/Vinilkosmo petas helpon. Estas bone se vi povas sponsori, monsubteni, mecenati kaj partneri por realigi sukcese tiun projekton. Alia helpa vojo estas mendi ekde nun la Kolekton 2000.

- La tuta KD-kolekto estas 140 NLG / 77 IRK, plus la sendokostoj , kiuj por ni en Ameriko estas 100 NLG / 60 IRK.

- La unuopaj prezoj estas la sekvaj: 21 NLG / 12 IRK, plus la amerika sendokosto de 10 NLG/ 6 IRK.

Se vi interesiĝas pri la Kolekto 2000 skribu al BEJO por ricevi pliajn detalojn kaj la koncernan mendilon.

# KIO ESTAS "LA GAZETO"?

Celoj kaj Rimedoj - LA GAZETO estas mondkultura revuo sendependa ne nur de politikaj ŝtatoj, religiaj kaj alitipaj organizaĵoj, sed ankaŭ de ĉiaj skoloj, grupoj kaj grupetoj naciaj aŭ internaciaj. Ĝia celo estas alporti al esperantlingvanoj kiel eble plej fidindajn informojn malpropagandajn pri ĉiuj fundamentaj aspektoj de civilizacioj, civilizoj kaj kulturoj estantaj kaj estintaj, kiuj iel gravas al la esperanta mondkoncepto. Por realigi tian grandiozan projekton ĝi disponas malgrandajn rimedojn: nur po ses 32-paĝajn kajerojn jare, sed tiuj ĉi kajeroj akurate aperadas jam de 12 jaroj. Eldonadas ilin la E-Klubo de Metz, direktoras revuon Madeleine de Zilah, redaktas, kunredaktas, enpaĝigas, enretigas, disdonas kaj prizorgadas ĝin teamo kies kerno estas en vilaĝeto nordfrancia kaj la pulpo disŝutita en Ameriko, Azio kaj Eŭropo.

La Rubrikoj de LG - Vortoj de la redaktoro, Leteroj, Nia Vivo, Nia tribo, Ni legis, Nia lingvo, Ili diris..., Ludoj, Ni ridetu, Rakontoj, Ĉu vi jam scias...? Revuoj, Historio, Nia kulturo, Debatoj.

Vi povas peti provekzempleron ĉe La Gazeto, FR-55210 Creue, Francio.

# LINGVO ESPERANTO NE PLU BEZONA

Pasintmonata radioelsendo de la Voĉo de Ameriko informas ke la usona firmao "Gaya", ĵus anoncis la lanĉon de Universala Tradukilo, kiu ebligas al usona turisto estante, ekzemple en Tajlando aŭ Ĉinio komunikigi kun kiu ajn sen ia ajn problemo. Se vi imagis grandegan libron aŭ komplikan kaj multekostan elektronikan aparaton, vi eraris. La "Universala Tradukilo" estas samgrande kiel vojaĝ-bileto (sed estas ankaŭ la modelo por monujo), kaj kostas nur ses usonajn dolarojn. Kio estas la sekreto? Bildoj! Ĝi estas faldebla karto kun centoj kaj centoj da desegnaĵoj pri ĉio ajn imagebla. Manĝaĵoj, aŭtoj kaj eĉ kondomo estas troveblaj...

(Informas R. Resende)

# HELPE AL BIBLIOTEKO

Cele al Biblioteko de urbo Pedro Osório, Rs estas serĉantaj: revuo "El Popola Ĉinio", Jaro 1989, n-ro 7; Jaro 1991, n-roj 3 kaj 7. Adreso: Biblioteca Pública Municipal "Tancredo Neves", Núcleo de Esperanto, PEDRO OSÓRIO, RS 96360-000

# MARJORIE BOULTON RICEVAS LA E-KULTURPREMION DE URBO AALEN KAJ FAME-FONDAĴO

La prestiĝan E-Kulturpremion de Aalen en 1998 ricevos la renoma E-poeto D-ro Marjorie Boulton. Tion ĵus decidis FAME-Fondaĵo por stimulado de internaciaj kompreniloj. Ŝi ricevos la sesan premion en valoro de 10 000 germanaj markoj (plej alta premiosumo en Esperantujo) pro siaj meritoj pri literaturo, scienca agado, edukado kaj kontribuoj al humaneco kaj interkompreno. La literatura sciencisto Boulton, (nun emerita) docento en fama oksfordo, publikigis ne nur multajn poeziajn volumojn sed ankaŭ valorajn lernolibrojn kaj krome dum multaj jaroj gvidis la prestiĝan E-somerlenejon en Barlastono, kiun ŝi per granda engaĝiĝo kondukis al alta nivelo. Kiel sciencisto ŝi elstaris per multaj brilaj prelegoj kadre de l'Internacia Universitato dum Uk-jo kaj dum vojaĝoj tra multaj landoj; Ĉiam ŝi sukcesas fascini sian aŭskultantaron kaj per polurita stilo kaj per eksterordinara enhavo. FAME-prezidanto kaj fondinto de "Monato", Stefan Maul, aldonas: "Ni krome agnoskas per la premio ŝian ĵurnalistan agadon, precipe en MONATO, kie ŝi aperigis abunde artikolojn pri ofte nekutimaj temoj; ŝi scias verki pri ŝajnaj bagateloj de l'homa vivo pensigajn kaj amuzajn kontribuaĵojn. Majorie Boulton distingas profunda humaneco, kiu tute konforme al la FAME-statuto spiras toleremon kaj interkomprenon." La solena matineo en la urba biblioteko de Aalen kie troviĝas ankaŭ la biblioteko de Germana E-Instituto, okazos probable dum printempo 1998; preciza dato ne jam estas fiksita. Marjorie Boulton estas la tria virino, kiu ricevas la kultur-premion, post Ada Fighiera-Sikorska kaj Spomenka Ŝtimec. Premiito estis, cetere, ankaŭ la ĵus mortinta poeto Rikardo Ŝulco.



## NOVA ADRESO

ESPERANTO-ASOCIO DE PARAIBO-EAPB komunikas sian novan adreson: Caixa Postal 293, JOÃO PESSOA, PB 580-970

## LIBERECO ESPERANTO-GRUPO

Fondiĝo je la 21-a de Aprilo, 98 en São Bernardo do Campo, SP dum la 3-a Renkontiĝo de Grupoj Esperantistaj de São Paulo, organizita de Esperanto-Grupo Adolfo Bezerra de Menezes-EGABEM.

# LA LEGANTO OPINIAS

Karaj redaktantoj: Analizlegante la lastan BE estas facile rimarki, ke mankas en ĝi gravegaj aferoj koncerne al la diskonigado de E-o. Aliflanke mi devas diri ke ĝia kovrilo estas bona kaj kvalita. Sed la nombro de paĝoj povas esti multe pli, konsiderante ke ĝi estas trimonata revuo. Kio mankas? ...raportoj de la gazetaro, tradukita al E-o...

...BR estas giganta lando kun multaj elstaraj esperantistoj kiuj devas ajnmaniere kontribui por plibonigo de E-movado, verkante kaj opiniante pri... ...mi proponas starigon de sekcio nomata KRITIKOJ KAJ SUGESTOJ... DANIEL PELIZ, verkisto, ĵurnalisto kaj esperantisto."

**NR**- 1. Dankon pro la aprobo de la kovrilpaĝo! 2. Plinombre paĝa kaj pli ofta aperigo: bv. unue konsideri la koston de la eldono, due la kontribu-kvalit-kvanton, trie la tempo-premon de volontulaj redaktoroj kiuj krom propraj taskoj multoble partoprenas la movadon (postenoj, eventoj, prelegoj, ktp) kaj mem zorgas pri enhavo, kompostado, revizio, ekspedado, korespondado, ktp. 3. La tasko de redaktoro ne estas traduki al E-o, tio ja estus laboro de tradukisto. 4. Pecoj de raportoj de la gazetaro: tion ni faras kiam taŭgas, ĉar la tasko ne estas nur reprodukti kaj reprodukti, sed prezenti kaj prezenti. 5. Kontribuon de elstaraj esperantistoj ni daŭre bonvenigas kaj ni ne respondecas pri ilia sporada kontribuo. 6. Sekcio KRITIKOJ KAJ SUGESTOJ jam estas entenata, ekz. en "El la Leterkesto", "Reago", "Reagoj", "Fantazioj kaj Realoj", "La leganto opinias"... 7. Ni dankas viajn sugestojn kaj deziras ke per propra sperto oni travivu la redaktor-deĵoron kiu samtempe entenas verkadon, reviziadon, korektadon, kompiladon, tradukadon kiel oficiston libervolan... nesalajritan... kaj traleganton de pli ol 30 E-publikaĵoj krom interretaj komunikoj, ktp. ktp.




# El letero de akademiano Sylla Chaves

# MODELA LINGVOUZO

Tre plaĉis al mi la enhavo de la n-ro 301 de BRAZILA ESPERANTISTO.

Kaj tuŝis min la aserto de Bernard Golden, ke unu el la funkcioj de Esperantaj periodaĵoj estas "doni al legantoj okazon koni modelojn de bona lingvouzo". Mi tamen bedaŭras, ke, ĝuste en tiu n-ro301, mi trovis pli da eraroj ol kutime.

La redaktora politiko ne korekti erarojn en subskribitaj artikoloj por ne malplaĉi al la aŭtoroj ne ŝajnas al mi bona. Iu ajn povas stumbli en sia verkado, ĉar (kiel diris la konstruintoj de la belega Alhambro de Granado) "nur Alaho estas perfekta". Konscia pri mia homa neperfekteco, mi dankas vian ŝanĝon en mia artikolo en la n-ro 300. Tie, kie mi malatente skribis "voluma", vi prave ŝanĝis: "volumena". Dankon!

Mi opinias, ke ankaŭ la aŭtoroj en la n-ro 301 ŝatus vian helpeton ŝanĝante kvar misuzitajn vortojn: "redakciejo", "sekundara", "frakaso" kaj "notico". La unua stumblo estis en la paĝo 6, kie devus aperi "redakcio" aŭ "redaktejo". En la NEKROLOGO de p. 20, devus esti "duagrada lernejo" (escola secundária, de 2° grau), ĉar "sekundara" tie signifus "malgrava" (de importância secundária).

En la paĝo 4, portugale estus "o fracasso do volapuque e o sucesso do esperanto". La esperantigo de "fracasso estas "malsukceso" aŭ "fiasko". La "frakaso" de volapuko estus ne simpla "fiasko", sed kompleta dispeciĝo, kiu certe ne okazis. Kaj la vorto "notico" aperas plurloke, en paĝoj 12, 13 kaj 18. Tamen la portugala esprimo "notícias" (france "nouvelles" kaj angle "news") bone tradukiĝas kiel "novaĵoj". La Esperanta vorto "notico"respondas al la angla kaj franca "notice", kiun la nova vortaro de FEB bone klarigas, laŭ PIV: "escrito de pouca extensão sobre um assunto qualquer", "notícia fúnebre", "notícia biográfica". Evidente, "notico" ne karakteriziĝas pri sia "noveco", portugallingvaj "notícias" (kiuj, malfreŝiĝinte, perdas tiun nomon).

## ESPERANTO SURSTRATEN

Caraguatatuba Esperanto-Grupo, Praça Diógenes Ribeiro de Lima, 99 - CARAGUATATUBA, SP - 11660-170 sukcesis pere de la samideano Cezar Olegário alnomi sian vendejon "PEIXARIA ESPERANTO" (FIŜEJO ESPERANTO). La grupo klopodas pri kampanjo "Kvartalo-Projekto" por unu Esperanto-kurso en ĉiu kvartalo. La retadreso de Caraguatatuba Urbodomo kiu havas turisman hejmpaĝon esperantigitan, estas: http://netvale.com.br cargua@netvale.com.br

## EL LA LETERKESTO

*- "Inda Prezidantino, S-roj Direktoroj de BEL: Jen mi ricevis la kalendaron. Gratulojn al BEL pro tio. Unue ĉar kalendaro estas ĉiam kalendaro. Tre utila afero, krom vidata kaj memorata dum la tuta jaro. Sekve ĉar ĝi, entute, estas bela, simpla kaj montras bonan guston. Kaj kronas ĉion la du bildoj: ili, krom montri belegajn pejzaĝojn, rememorigas nin la bonaĵojn kiujn ni havas en Brazilo, unu farita de homoj, la alia, de Dio. Ke vi povu, ĉiujare, farigi kalendarojn kaj ilin sendi al la anoj de BEL, ĉiam kun tiu alta kvalito.*
*Dankojn,* ***Euclydes Geraldis de Carvalho****."*

*- "Mia edzo baldaŭ skribos al vi pri ebleco organizi OSIEK-konferencon en Brazilo en la jaro 2000. Laŭ rekomendo de Evaldo Pauli. Estus bonege, ke grupo de Eŭropanoj vojaĝu tien, ni mem aventurumos barke al via prirevata lando, tra Atlantiko.* ***Lena de Zilah****."*

*- Ĉu vi konsentas ke UEA devas, pere de UNESCO, kontakti UNICEF-on cele al sukcesigo, ke en la proksimaj jaroj la finjaraj salut-festokartoj estu eldonataj ankaŭ en Esperanto?* ***Jason Gonçalves de Lima****."*

## DEZIRAS KORESPONDI

- KSENIJA KOLESOVA, pr. Krasnojarskij raboĉij 147-98 Krasnojarsk 660093 - Siberio, RUSIO. (*Mi estas knabino. Mi havas 15 jarojn. Min interesas legado, televido, modo kaj vivo en via lando. Mi kolektas kalendaretojn kaj bildkartojn.*)

- SVETA KOLESOVA, pr: Krasnojarskij raboĉij 147-98 Krasnojarsk 660093 - Siberio, RUSIO. (*Mi estas knabino. Mi havas 12 jarojn. Min interesas televido, moderna muziko, modernaj dancoj kaj vivo en via lando. M i kolektas bildkartojn kaj kalendaretojn.*)

- KSENIJA BOBROVA, pr: Metalurgov 51-85,Krasnojarsk 660133 - Siberio, RUSIO. (*Mi estas knabino. Mi havas 12 jarojn. Min interesas televido, moderna muziko kaj vivo en via lando. Mi kolektas kalendaretojn, bildkartojn kaj foto kun kato.*)

- A. ĜIGĜIDDORĜ, P.O. Box - 1117. C.P.-13 Ulaanbaatan - 210613, MONGOLIO. (*Al brazila esperantista junularo: Ni fondis Esperantan Lingvan Instituton en Mongolio, Lernejo-Kooperativejo. Mi volas korespondi kun vi kaj kunlabori kun vi. Mi atendas vian respondon. Via samideano A. Gigĝiddorĝ.*)

- VLADIMIR SLJUSAR, ul. Sudostroitelnaja, 133-41, KRASNOĴARSK 660012, RUSIO. (37 - jara, kirurgo, interesiĝas pri medicino, aferaj kontaktoj, vojaĝoj, naturoj, sporto, bildkartoj.)

## PREMIO POR LA PLEJ AKTIVAJ PERANTOJ

### (STATISTIKO PRI LA MEMBROKOTIZOJ-UEA)

Perado por 1997 kun valoro en poentoj por kalkulo de la procenta kresko en 1998. La landoj estas dividitaj en 3 grupojn. La unua grupo konsistas el dek landoj, inter kiuj BRAZILO. Ĝis januaro 1998 Germanio estis en unua loko kun 3646 poentoj kaj Brazilo kun 3524.

## KORESPONDA KONKURSO

Premio por verduloj kiuj pli multe korespondas en Esperanto! La ricevitaj leteroj, akompanataj de la respektiva koverto-kopio, atestos la nombron de respondoj ricevitaj. (Ne validas cirkuleroj). Estos aljuĝitaj 5 poentoj por naciaj respondoj kaj 20 poentoj por eksterlandaj respondoj. La konkurso validas dum la tuta jaro kaj je la 15-a de Decembro estos aljuĝita la premio kiu konsistos, laŭ la oferto de samideano G. O. Vaske, el EPĈ abono por la unua premiito. Oni atendas pliajn premio-proponojn. Ek al la partopreno de KK!
(Provizora kontakto-adreso: Redakcio de BE)

## LA ESPERANTO-CENTRO DE PADERBORNO NUN EN BERLINO

La Esperanto-Centro, kiu troviĝis en Paderborno ekde 1975, komence de novembro 1997 translokiĝis al 12159 Berlin-Friedenau, Rheinstr. 9. Ĝia estro, Hermann Behrmann, intertempe fariĝis membro de la ELB. Dum la Zamenhofa Festo li prelegis pri siaj spertoj kiel Esperanto-instruisto. La Esperanto-Centro intencas konstante mencii sur la leterpapero kaj en la telefonlibro sian Paderbornan devenon, por eviti intermiksadon kun la Esperanto-Centro Berlino de s-ino Ina Tautorat. Unuavice ĝi estas perkataloga librovendejo. Ĵus aperis tie la (nova) librolisto n-ro 10. Krome eliris jam nova "Speciala Cirkulero 64" kun longa nekrologo pri la forpasinta prof. Rikardo Ŝulco. Ambaú publikaĵoj estas mendeblaj telefone aŭ telefakse sub 85 96 13 83.

## BROŜURO PRI OFICIALA SITUACIO DE E-INSTRUADO

Prof-ro Adelson A. Alves Sobrinho, Vic-Kunordiganto de E-Kurso en UFC (Universidade Federal do Ceará) kompiladas broŝuron pri la oficiala situacio de E-instruado kadre de Universitatoj kaj Superaj Instancoj. Por iamaniera helpo li petas kontakti lin kaj instigi kursgvidantojn de oficialaj E-kursoj je supera instruado, por informo kaj respondo pri:
1. Nomo de la Universitato/Supera Instanco/Instituto kaj kompleta adreso.
2. Nomo de la kursgvidanto kaj kompleta adreso.
3. Ĉu la profesoroj estas pagataj? Kiom da horoj semajne? Daŭro de la kurso kaj horoj entute. Ĉu kun poentoj por la diplomo? Ĉu la kurŝoj estas devigaj? Mallonga priskribo pri la kursoj. Adreso por kontakto: Kurso de Esperanto, Rua Waldery Uchoa, 50-Benfica 60020-110 Fortaleza,CE Fakso: (085) 223-1642.

## ELEKTADO DE LA NOVA BEL-ESTRARO POR LA TRIJARO 1998-2001 - ENSKRIBIĜO DE NOMARO

La ofic-periodo de la nuna BEL-estraro finiĝos je julio de la kuranta jaro. La voĉdonado por elekti la estraron por la venonta periodo okazos kadre de la 34-a Brazila kongreso de Esperanto, en Salvador/BA. La BEL-membroj kiuj intencas kandidatiĝi al administrado de BEL devas organizi nomaron kaj enskribi ĝin laŭstatute.

## ESPERANTISTINO DIPLOMIĜAS EN ARKITEKTURO KAJ URBANIZADO KAJ PREZENTAS URBOPLANADON KUN ESPERANTO TEMO

EIMARA MESSIAS LIMA, juna esperantistino loĝanta en la administra regiono Sobradinho (Brasília/DF), finis kurson pri arkitekturo kaj urbanizo, en la Universitato de Brasília. La solena diplomiĝo okazis en aŭditorio de la Respublika Senato, je la 30-a de januaro de 1998. Detalo: Ĉiuj arkitektoj devis prezenti taskon. El la taskaj prezentitaĵoj estis elektitaj la tri pli bonaj laŭ vidpunkto de speciala komisiono cele ekspozicion en halo ĉe la auditorio. La verko de la Fraŭlino Eimara estas plano de utopia internacia centro de esperanta kulturo elpensita por esti konstruota en la areo nune okupita de la Lernej-bieno Bona Espero, lokita en la urbo Alto Paraíso (GO).

## DONACOJ AL BEL

-La geedzoj Euclydes Geraldis de Carvalho kaj Lúcia Códamo de Carvalho, aŭtoroj de la lernolibro "Curso Básico de Esperanto - por Correpondência e em Classe" (Baza Kurso de Esperanto - perkoresponde kaj en klaso), rajtigis BEL-on eldoni ĝin kaj donacis senpage kaj senfine, por post ilia forpaso, la aútor-rajton de la sama verko, laŭ dokumento arkivita en BEL-sidejo.

## BEL MALCENTRALIZAS SIAN PERKORESPONDAN KURSON

BEL proponis al ĉiuj esperantaj organizaĵoj de Brazilo subskribi kontrakton kun ĝi cele malcentralizon de sia perkoresponda kurso. Reagis pozitive kaj subskribis la kontrakton jenaj organizaĵoj kaj individuoj:

| MAL-LONGIGO | ORGANIZAĴO | URBO | ŜTATO |
|---|---|---|---|
| - | HENRIQUE ALAN KARDEC MENDONÇA | ANÁPOLIS | GO |
| NEEG | NIA ESPERO ESPERANTO GRUPO | BARRA MANSA | RJ |
| - | CÍCERO GABRIEL CARDOSO SOARES | BRASÍLIA | DF |
| KCE | KULTURA CENTRO DE ESPERANTO | CAMPINAS | SP |
| EAP | ESPERANTO-ASOCIO DE PARAÍBA | JOÃO PESSOA | PB |
| EKJE | ESPERANTO-KLUBO "JOÃO ERNESTO" | UBÁ | MG |
| UEK | UBERLÂNDIA ESPERANTO-KLUBO | UBERLÂNDIA | MG |
| KEK | KAPIŜABA ESPERANTO-KLUBO | VITÓRIA | ES |

## TEK HAVAS SIDEJON, JES JA!

Taguatinga Esperanto-Klubo ne estas plu nur poŝtkesta adreso. De nun ĝi havas sidejon. Bonvolu noti ĝin: c 5, Lote 9, sala 204, CEP 72010-050 Região Administrativa de Taguatinga (Brasília-DF).

*Tamen cele korespond-sendadon daŭras la jenaj adresoj:*

CAIXA POSTAL 05242, Reg. Adm, TAGUATINGA, BRASÍLIA -DF CEP 72001-970.

Ret-adreso: <kleto@tba.com.br> Telefon-numero: 561-0049.

*La solena inaŭguro de TEK-sidejo okazis je la 27-a de februaro pasinta je la 19-a kaj duono.*



## EAB-ANOJ ELEKTAS NOVAN ESTRARON

Je la 1-a Februaro pasinta , la membroj de Esperanto-Asocio de Brasília elektis novan teamon por gvidi la esperantan movadon en la Ĉefurbo de la Espero, kiel Brasília estas alnomata de sia loĝantaro.Jen la estraranoj:

Prezidanto: Lício de Almeida Castro
Vic-Prezidanto: Valter de Campos
Sekretario: Hamilton Caetano de Souza
Kasisto: Paulo Henrique Gonçalves

## PRELEGO EM FORMIGA (MG)

LaVic-prezidanto de BEL, S-ro Francisco Mattos de Oliveira , prelegis en ROTARY CLUBE de la urbo Formiga, ŝtato de Minas Gerais, je la 10-a de oktobro 1997, pri la temo: ESPERANTO E GLOBALIZAÇÃO.

# MOVADO

## ESPERANTISTA KULTURA SEMAJNO

En la kultura Laborejo de Uberlândia-Urbodomo okazis de la 8-a ĝis la 15-a de decembro ekspozicio de malnovaj fotoj kaj poŝtkartoj, iniciate de la reaktivigita Uberlandja Esperanto-Klubo. Dum la evento estis prezentitaj: bazaj konceptoj de la lingvo E-o kun rapida, enkonduka kurso; konversacia E-o; omaĝo al D-ro Carlos de Almeida Wutke, bestkuracisto, jam mortinta, eminenta esperantisto en la urbo; memorfesto al naskiĝdato de la iniciatinto de E-o, unua jaro de plena aktiveco de UEK, muzika prezentado de lokaj muzikistoj, kiuj ankaŭ lernas E-on, diplomdisdonado al partoprenantoj de E-kursoj dum la jaro, fermo de la ekspozicio kaj kantado de la himno "La Espero".

## PRI ĜEMELIĜO

Teksto de ĝemeliĝo inter Kultura Centro de Esperanto kaj Glasgova Esperanto-Societo:

"Ni, la kluboj de Esperanto en Glasgovo, Skotlando kaj Campinas, Brazilo, nomataj Glasgova Esperanto-Societo kaj Kultura Centro de Esperanto, respektive, intencas proksimigi la kulturajn kaj homajn rilatojn inter ni, niaj urboj kaj niaj landoj per la starigo de ĝemeliĝo inter niaj organizoj. Ĝemeliĝo, en nia koncepto, signifas nenian devon, difineblan per kontraktoj. Ĉiuj agadoj ĉirkaŭ ĝi naskiĝas libervole, do ĝi estas multe pli nobla, same kiel nobla estas ĝiaj celoj. Ni komprenas ke ĝemeliĝo estas movo de bonintenca ligado, kies celo estas, en malgranda skalo, la sama de tuta homaro; interkompreniĝo, respekto kaj valorigo de la plurkoloraj eroj de la homkulturo. Tial la reprezentantoj de ambaŭ kluboj subskribas tiun dokumenton por registri la amikecajn rilatojn, kiujn ili ekhavos per komuna konsento por nedifinita tempo.

Duncan Thomson, Prezidanto de GES. Claudio M. Zaina, Prezidanto de KCE."

## NOVA KONSTANTA SONGAZETO "POLA STELO"

Tre verŝajne ankoraŭ nunjare aperos nova songazeto en E-o kiu konservus la titolon de la gisnuna brajla gazeto "Pola Stelo", eldonata de multaj jaroj en Pollando. Pro la tro malgranda nombro da abonantoj la brajla gazeto verŝajne ĉesos aperi, sed tamen oni volas konservi la ideon de gazeto por nevidantoj, kaj ne nur por nevidantoj, ĉar en la kazo de songazeto ĝi povas esti utila por ĉiuj. Ĉio dependas de tio ĉu oni kolektos minimume 150 abonantojn. La prezo de la jarabono ne estas precizigita, sed laŭ polaj zlotoj (kompare kun dolaro) ĝi egalus al 28 dolaroj (minimumaj) por Eŭropo, por ekstereŭropanoj iom pli da sendokostoj. La sonrevuo estus dissendata 4 fojojn jare el Varsovio, ĉiufoje po 2 kasedoj 90-minutaj. La enhavo konsistus el polaj, ĉefe kulturaj E-movadaj kaj blindulaj temoj. Se la unujara funkciado de la songazeto bone evoluos, oni daŭrigos ĝin konstante, se ne - oni likvidos ĝin post la realigo de unujaraj abonoj. La provizorajn antaŭmendojn kolektas: Pola Radio, Esperanto-Redakcio, 00-977 Varsovio, Poŝtfako 46, Pollando.

## NOVJARA VERDA FESTENO ESPERANTISTA

Organize de AERĴ estraranino Maria das Graças de Oliveira Castro, okazis la unua NVF ĉe la Plaĝo de Botafogo, fronte la n-ro 228, la 31-an/12/97, je la 21.00-a horo.

## FILATELA JUNULAR-EKSPOZICIO

La 8-a Brazila Filatela Junular-Ekspozicio okazis en Gojanjo, la ĉefurbo de Stato Gojas', de la 7-a ĝis la 16-a de novembro.



De maldekstre: Filatela juĝisto, estraranino de la nacia poŝto kaj la esperantistoj kiuj ricevis la Trofeon Gojanja 97: Majoro Silva Velho, D-ro Roberto Resende, kiu ricevas sian trofeon de Marlene Gomes, prezidantino de GEI, S-ro Zilmar Alves kaj D-ro Carlos Lima Melo krom Helpanto kaj antaŭ li S-ro E.Garcia, kunordiganto de la evento.

## KULTURA ESPERANTO-CENTRO, Goiânia-GO

Omaĝe al naskiĝdatreveno de Zamenhof kaj diplomiĝo de Esperanto-kursanoj okazis "La Festo de E-o", la 20-an/12/97 en la Teatro de la Federaci-Teknika Lernejo de Gojaso, kiam estis lanĉita la komputilludo "Ruĝa Planedo", portugale kaj esperante, kreita de Eleusmário Rabelo.




FRANCISCO MATTOS (maldekstre), la Vice-Prezidanto de Brazila Esperanto-Ligo, Brasília-DF, kaj JOAQUIM MARIANO, lernanto de e-instruisto HARY MILTON, Goiânia-GO.

# KURSOJ

**KURSO DE ESPERANTO EN ABC** - Regiono (Santo André, São Bernardo do Campo, São Caetano do Sul - SÃO PAULO)
La kursoj de Esperanto okazas ekde 1992 en la regiono. Ĉi-jare, la 21-an/04/98 estos inaúgurita la Libereco Esperanto-Grupo. La kursoj komenciĝas ekde 07/03/98, sabate. Informoj: (O11)746-7269.

**DEG - MG INFORMAS**
(Disvastiga Esperanto-Grupo de Minas Gerais)
Caixa Postal 3388 - 30140-090 Belo Horizonte, MG
Internet degmg@net.em.com.br
Kursoj ekde marto/98: Baza, Daŭriga, Paroliga, Perfektiga

## Senpaga kurso de esperanto en la reto-KCE

Tiu esperanto-kurso por portugallingvanoj estis iniciato de Kultura Centro de Esperanto - Campinas, São Paŭlo, jam funkcianta de unu jaro kaj duono. Distribuata ene de Brazilo kaj ankaŭ eksterlande ĝi havas 37 korektantojn, 66 diplomitojn, 280 lernantojn kaj 610 personojn kiuj prokrastis aŭ ne nur prenis la unuan lecionon de la kurso. Korektantoj kaj lernantoj estas ankaŭ en Portugalio, Japanio, Usono kaj Germanio. Por la kurso eblas laŭvole aĉeti specifan sonbendon, vortaron aŭ preni senpage komputilajn vortarojn per la reto. Post la 10 lecionoj, la diplomito povas skribi simplajn leterojn kaj daŭrigi la lernadon per progresigaj senpagaj kursoj. Eĉ se kelkaj diplomitoj jam helpas kunlaborante, la kresko de la lernantaro sendube postulas pliajn korektantojn. Se vi havas bazan konon pri uzado de interreto, kaj aliron al ĝi bv. helpu nin. Informiĝu per http//www.aleph.com.br/kce aŭ sendu mesaĝon al: kultura@turing.unicamp.br

Prof-ro Jozefo J. Lunazzi
CER-kunordiganto

## 1-a RENDEVUO PRI ESPERANTO KIEL LABORLINGVO ĈE LA KAMPO DE LA SANO, O1-03/05/98

RIBEIRÃO PRETO, SP
Programeroj en portugala lingvo kaj esperanto Provizoraj prelegoj:
Brazila Virtuala Hospitalo kaj Homeopatio, Agado de la Muzeo de Homeopatio pere de E-o, Orientaj praktikoj pri sano, Odontologio kaj Homeopatio, Sanitaraj problemoj, Vidpunkto pri Psikiatrio, Problemoj pri tradukado, Veterinararto kaj Homeopatio, Pediko de la kapo en Kubo, Pediatrio kaj Homeopatio.

**50% RABATO POR ESPERANTISTOJ**
Entreprenoj uzantaj Esperanton ricevas 50%-an rabaton se ili aliĝas al la varokatalogo "CompInfo", funkcianta en Internet. La varokatalogo enhavas informojn ĉe la retpaĝo http://zzz.compinfo.datanet.hu

## KAMALAUO ESPERANTO-KLUBO

(Rua São José,19 - Centro. CAMALAÚ, PB 58530-000)
En la tagoj 16-17/12/97 okazis E-kurso en urbo Camalaú, donita de Prof.-ro Roberto Ribeiro, Prezidanto de Esperanto-Asocio de Paraíba. La klubo petas kunlaboron de esperantistoj por sendo de inform-materialo (video-bendoj/kasedoj, libroj, ktp. )

## DEPARTEMENTO DE ESPERANTO

**de Spiritista Centro Yvonne Pereira**
realigis la 2-an esperantistan dimanĉon, la 07-an/12/97 ĉe la sidejo Rua Meggiolaro, 46 - Bairro dos Ingleses, RIO DAS FLORES, RJ 27660-000. Antaŭdanke akceptas kunlaboraĵojn por eldono de Bulteno de la E-Departemento.

## KULTURA CENTRO DE ESPERANTO

Campinas, SP

Eldonis interesan flugfolion pri la dek jaroj de KCE diskonigante E-on en la urbo de hirundoj, sed ne nur tie...
- En lulilo de la brazila movado: La 17-an de marto,1906 aperis Suda Stelaro, la 1-a Esperanto-Grupo en la lando, fondita de Jean Keating kaj Tobias Rabello Leite.
- Multmediaj agadoj: paperaj, elektronikaj kaj amaskomunikaj medioj.
- Retaj komunikadoj (ekde 1993 la unua Esperanto-grupo en Brazilo) kaj informado (ekde marto 1993) danke al "Estação Aleph" unu el la Internet-retprovizantoj de Campinas, KCE gajnis la spacon, nelimigitan kaj senpagan, por hejmopaĝo. Tiel kreiĝis la unua institucia paĝo pri Esperanto en la portugala, verŝajne en la mondo. Post 20 monatoj jam vizitis ĝin pli ol 6.000 homoj.
- En Brazilo kaj Antipodo! En julio 96 aperis Reta Kurso de Esperanto en portugala versio, el adaptoj kaj aldonoj al la franca versio. En oktobro 97 estis pli ol 200 lernantoj kaj dipolomitoj en Brazilo, Portugalio, Germanio kaj Japanio.
- Projekto Kelter, nia Gutemberg: De du jardekoj funkcias la Projekto Gutemberg, kiu celas senpage aperigi en elektronika formo la plej gravajn librojn en la angla lingvo. Ni decidis starigi nian propran movadan projekton kaj nomi ĝin "Kelter", laŭ la eldonisto de la Unua Libro de Zamenhof. Ju pli da legantoj, des pli forta estos la esperanto-merkato de eldonaĵoj. Ni bezonas volontulojn por tajpi aŭ revizi ĉapitrojn.
- Esperanto en televido: Brazila leĝo nun devigas, ke ĉiu kablotelevida entrepreno disponigu al la urboj unu kanalon por uzo de la komunumo. En oktobro 1996 KCE komencis, kune kun aliaj neprofitaj organizoj en Campinas, la preparojn por starigo de tiu kanalo. KCE estas fondinta membro de la asocio kiu administros *TV Fênix*, nian kanalon. KCE-anoj apartenas eĉ al la estraro de tiu asocio.

# EVENTOJ-KALENDARO INTERNACIE

- 57-a HISPANA ESPERANTO-KONGRESO", Valladolid
Telefono/Fakso: + + 1 4468079.
E-Mail: admin@esperanto-es.org (01-03/05/98)
- INTERNACIA ESPERANTO-INSTITUTO
Kalendaro pri Cseh-aranĝoj en 1998 kun A-Seminario, B-Seminario, C-Seminario, Baza Kurso inkludas la landojn Danio, Pollando, Brazilo, Nederlando. Por informoj detalaj: IEI, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando.
- "4-a TUTAMERIKA KONGRESO de ESPERANTO", Bogoto-Kolombio: 27/01-03/02/99. Adreso: Apartado Postal 54800, Santafé de Bogotá, COLÔMBIA.
- 82-a BRITA KONGRESO DE ESPERANTO
Pasko, 10-13/04/98 Chester, Britio. 40 Danehurst Road, WALLASEY, L45 3JJ, Britio.
ĈE LA DOMPARO - Literatura Monatfino,25-26/0498
István Nemere, "Renkonto kun la legantaro".
Naturamika Monatfino, 20-23/05/98
p: Bernhard Eichhorn, "Migradon en la ĵurasa naturo".
- KULTURA ESPERANTO-FESTIVALO
20-22/11/98 Santiago de Cuba - Kuba Esperanto-Asocio
PF 5120 Havano 10500 - KUBO
Tel. +53070401314,53 7 404484
Telefakso + 53 7 338729
INTERNACIA ESPERANTO-KONFERENCO 98
18-24/07/98, Trieste - ITALIO. Ĉeftemo: "Romiaj Influoj kaj la latina lingvo en la mondkulturo".
Esperanto-Trieste, CP 601- IT 34100-Trieste Centro.

## LOGOZOFIA FONDAĴO

Sektoro de Esperanto. Perkoresponda Logozofia Kurso senpaga. LOGOZOFIA FONDAĴO estas lernejo kreita de Carlos Bernardo González Pecotche, kiu celas la homan superiĝon. Ĝia agado estas ekskluzive eduka kaj kultura, ĝia celo estas la disvastigo de la logozofia scio. La SEKTORO DE ESPERANTO, kreita de la Logozofia Fondaĵo, funkcias ĉe la sidejo en Fortalezo, Cearao, BR kaj ties celo estas traduki logozofiajn librojn esperanten kaj disvastigi Logozofion en Esperantio. La PERKORESPONDA LOGOZOFIA KURSO celas liveri la elementajn konojn pri tiu nova scienco al tiuj kiuj volas studi ĝin. La kurso estas senpaga kaj en ĝi oni traktas interesajn temojn: la logozofia afero kaj ĝia aŭtoro; la celoj de Logozofio; la logozofia saĝo; kiel oni devas studi Logozofion; kredo kaj scio; la Logozofia Fondaĵo; la valoro de la tempo; transcendo de Logozofio, kaj aliaj interesaj temoj. La sektoro de Esperanto jam eldonis la jenon: LOGOZOFIO (respondoj al demandoj pri tiu scienco), Bazoj por via Konduto, Perkoresponda Kurso.
(Caixa Postal 12162 - Fortaleza, CE 60021-970)

2-a INTERNACIA HIMALAJA RENKONTIĜO
26/02-06/03/98. okazis en Kathmandu, Nepalo
Organizita de Nepala Esperanto-Asocio, kies organo estas "Montejo" (P.O. Box 6304.)



*Marcel Ledon, (centre), denaska esperantisto, brazilano, loĝanta en Francio, vizitis la lokan E-Asocion, kies prezidanto estas F-ino Maja Raj, en monato februaro kaj estis regalita de ĉarma memoraĵo transdone al BEL-Prezidanto S-ino Symilde S. Ledon.*



La skipo de disaŭdiga radio-programo en Melbourne (Victoria, Au): S. Kanaĉki(de dek jaroj!), Jenni Bishop kaj Franciska Toubale. La programo jam de tri jaroj estas sendata al Sidnejo por Satelita disaŭdigado en tuta Aŭstralio.

## EUROKKA-VINILKOSMO

Esperanto-Rok-Asocio, FR-31450 Donneville, Francio
Financhelpo, subteno, partnereco al Kolekto 2000. La helpo povas esti financhelpo (subvencio, mondonaco, sponcorado, ktp.) Al interesiĝantoj estos sendata kompleta dosiero kun prezento de la projekto kaj ĝia buĝeto.

## RENKONTIĜOJ

## 31-a ESPERANTO-RENKONTIĜO DE SUDPARAIBA VALO

Campos do Jordão, SP - 08/02/98

131 partoprenantoj el 23 urboj etose pasigis la dimanĉon laŭ variaj programeroj, gustumante tradican ĉefpladon, recepte prezentita de la gastestro en prelego "Gastronomio kaj aliaj receptoj" (G. Ledon).



**Ivon Barbosa, prezidanto de EASP, prelegas pri "La Fonto de Junueco".**

## RILATOJ KUN UNESKO-ASOCIOJ/ KLUBOJ

Laŭ propono de UEA datita de 05/12/97 al la Landaj Asocioj pri Konkretaj Laboroj ĉe UNESKO Asocioj/ Kluboj, Brazila Esperanto-Ligo rekomendas al la Br-Asocioj/Kluboj/Grupoj kontakti en siaj respektivaj urboj, la eventuale ekzistantajn UNESKO reprezentantojn cele al "KAMPANJO - 2000", por la tri gravaj celoj: "levi la organizan kaj idean nivelon", "levi la prestiĝon" de Esperanto kaj "influi la internacian vivon". La respektivajn adresojn kaj eventualajn demarŝojn bv. komuniki al CO-BEL cele al kunordiga raporto al UEA.

En monato marto BEL-Prezidantino sendis:

-Leteron al UNESCO-instanco de Brasília pri la kunlabora preteco de brazila Esperanto-Movado

-Cirkuleron al ĉiuj listigitaj Esperanto-Asocioj, Kluboj, Grupoj en la lando por rekta kontakton loka tiucele

-Cirkuleron al Delegita Reto en Brazilo

-Cirkuleron kaj formularon de UN al Federacia Konsilantaro-Asocioj/BEL por ricevo de informoj speciftemaj kaj monata publikaĵo de UN.

## KAMPANJO 2000

Dum la lasta jaro estis diskonigataj:

-Manifesto de Esperanto-Movado, traduke, al la gazetaro tra la tuta lando

-Laborplano de UEA 1997-2000 (Propono kaj Lanĉo)

-Dum BR-eventoj/kunsidoj:

a-Kopie disdonitaj la supremenciitaj presaĵoj

b-Raportoj kaj paroladoj gvide/partoprene de BEL-Prezidantino en 12 urboj de BR kaj internaciaj aranĝoj (Buenos Aires, Adelajdo, Aŭgsburg)

## "MONUMENTE PRI ESPERANTO"

Majoro Gilberto Aquino da Silva Velho, redaktoro kaj eldonisto de esperanta informilo "ESPERANTO-NOTÍCIAS", portugallingva, Delegito de UEA kaj loka Reprezentanto de BEL, loĝanta en Caçapava, SP kontribuis al la verko de Hugo Rollinger; Komisiito de UEA por E-Monumentoj, kompilante ĝis 30/12/90 kaj aldone en 31/ 12/97, liston de 146 stratoj, stratetoj, platoj, monumentoj, placoj, konstruaĵoj, avenuoj, bieno, kliniko, montoj, monteto, lernejo kun la nomo ESPERANTO, aŭ ZAMENHOF, en Brazilo.

NOTO: La libro de H. Rollinger entenas 54 landojn kaj 5 kontinentojn.

## ESPERANTA RETSUPERMARKTO

Okaze de la Zamenhoftago 1997 kiu samtempe estas Tago de la Esperanto-Libro, malfermiĝis la unua Esperanta Retsupermarkto. En la Esperanta Retsupermarkto vi povas agrable promeni laŭ la libroj, diskoj, kasedoj, komputilaĵoj, filatelaĵoj; ktp. Vi povas ankaŭ krei listojn laŭ via prefero, ekzemple liston de difinita aŭtoro.

Promenante vi povas rigardi la kovrilpaĝon de viaj preferataj libroj, aŭdi pecon el viaj preferataj diskoj, legi recenzon pri ili aŭ venigi pliajn detalojn. Ekzistas la eblo nur viziti la novaĵojn aŭ elekti alian kategorion, ekzemple la bazajn literaturajn verkojn, t.e. la librojn kiuj laŭ William Auld aperu nepre en ĉies biblioteko. Kompreneble vi povas ankaŭ mendi la varojn. Por mendi simple metu la varojn en vian butikumkorbon. Kiam ajn vi povas kontroli, kiom estas en via korbo, aldoni pliajn aĵojn, aŭ remeti kelkajn sur la bretojn de la supermarkto. La Esperanta Retsupermarkto estas iniciato de Flandra Esperanto-Ligo kaj de la Interret-peranto Agora. La adreso estas http:// esperanto.agoranet.be/fel/

## BARCELONO KA J UNESKO

La Ĝenerala Asembleo de UNESKO (97-11-12) decidis patroni la Universalan Forumon de la Kulturoj, okazonta en Barcelono en la jaro 2004. La eventon plene apogas kaj la ŝtata (tuthispana) kaj la kataluna registaroj. La celo estas konstrui "kulturon de paco". La forumo daŭros 150 tagojn kaj fakte funkcios ekde la jaro 2001, kvankam jam en 1998 oni laboros super la projekto pere de "virtuala forumo". Okazos internaciaj kunvenoj, debatoj, ekspozicioj, spektakloj, premioj, TV-programoj, ĉio en la kadro de tutmonda interagado. Unu el la ĉeftemoj estos la lingvoj de la mondo. Oni defendos la rajton de ĉiuj lingvoj por esti en Interreto, kaj oni antaŭvidas la ĉeeston en Barcelono de po unu homparo de ĉiu lingvo de nia planedo. Jen akvo al la muelilo de la esperanta komunumo. Jen plej taŭga areno por Esperanto. (Miguel Gutierrez)

# LISTO DE EKIPAĴOJ

Listo de ekipaĵoj por estiĝo de la Nukleo de Multrimedoj de BEL, dum la periodo de 01/09/97 al 15/01/98.

AŬGUSTO

Kvitanco n° 001329 AD Video Tech Eauip. Elet. Ltda.

1 Kamero de Video CONCORD mod. GYY2 B JVC
1 Video Kasedo RECORD mod. AGDS580 PANASONIC
1 Tripe mod/ 350
2 Lumigiloj "Video Light"
2 Tripes GADETÃO
1 Monitor TM 131 JVC
1 Plako Mod. "Time Code"

SEPTEMBRO

20.579,00

Kvitanco n° 000737 - MGO Comércio Ltda.

1 "PowerMac 8600/200/256/monitor 17"
1 HD
1 Magnetofono CD
1Mídia Jaz
1Plotter HP DJ 750C Plus AO-C479A n.ESA6A9832
1 kit MPR
1 Modem 36.6 bps
1 Mídia 100 MB
1 Gloss OP-Poly 915x30mts. 120 micras

24.223,80

Kvitanco n°001387 - MGO Comércio Ltda.

1 kapo Mod. 116 MKB Manafrot 770,00

Kvitanco n° 089284 - Info Shopping CTIS Com. Ind. Inf. Ltda.

1 Viruscan 54,00

Kvitanco n° 36445 - Microshopping Inf. Ltda.

2Presiloj HP 820 CXI 978,00

Kvitanco n°000755 - MGO Com. Ltda.

1 XCL/Drive Jaz
1 Apple Color Onescaner 800x1200
1 Tenilo SCVI
1 Laser Write 12/640 PSWTONER
1 Powerbook 1400/16/750MB/CD-CX

10.077,15

Kvitanco n° 000758 MGO Com. Ltda.

1 PowerMac 7300/180/144/MB XCL
1 Skatolo 1 Mídia 100MB (10unuoj)
1 Skatolo 1 Mídia Jaz (06 unuoj)

6.647,69

OKTOBRO

Kvitanco n° 13373 Magna distribuidora Ltda.

1 Presilo Spruĉoinko Apple 2500 584,10

Kvitanco n°000821 MGO Com. Ltda.

1 teleys Pro

1.612,00

NOVEMBRO

Kvitanco n°038513 Micro Shopping Ltda.

1 Kit Amasrimedoj "Sound BLaster" 24x
1 Programo Windows 95 (FULL)
1 Programo Office 97

1.317,00

DECEMBRO

Kvitanco n°000887 MGO Com. Ltda.

2 Plakoj Bravado

2.486,40

# LA BRAZILANO PRI SI MEM

Mendita de la revuo Veja, esplorinstituto Vox Populi faris esploron kun 2000 homoj el 25 ŝtatoj pri kio pensas la brazilano pri si mem. La rezultoj poste estis diskonigitaj en materialo kiu havis la jenan konkludon: la brazilano estas "en iu proceso de memkritiko rilate al siaj neperfektaĵoj, li volas ŝanĝiĝi kaj prosperi en iu lando pli justa". Rimarkindas la fakto, ke nun lia memestimo estas pli pozitiva. Sed ni vidu kelkajn donitaĵojn starigitajn, kiuj vidigas tion: antaŭ la demando "ĉu esti brazilano estas kialo por fiero aŭ malfiero?", 84% respondis "fieron" kaj nur 5%, "malfieron". La plej grandaj kialoj por fieri pri Brazilo estas "la naturo kaj la klimato" (13%) kaj "la sportoj" (9%) . La plej grandaj kialoj por malfieri estas "la malsato, mizero kaj malriĉeco" (19%), "la politikisto" (18%) kaj "la korupteco" (17%). Aliflanke antaŭ la demando "kia estas la plej karakteriza trajto de la brazilano?", plejmulto de la respondoj (11%) asertis , ke estas lia "laboremo kaj batalemo". Alie 58% respondis jese al la demando ĉu la brazilano estas ŝanĝanta de senfarulo ("malandro") kaj pigra al serioza kaj laborema. 45% respondis, ke brazilo pliboniĝas kompare kun ĝia situacio antaŭ dudek jaroj, 31% respondis, ke ĝi malpliboniĝas kaj 18% vidas nenian ŝanĝon rilate al tio. Kompare kun aliaj popoloj , la brazilano juĝas sin "pli gaja" (88%), "pli gastema" (84%), "pli karesema" (78%), "pli religia" (70%), "same aŭ pli inteligenta" (66%) krom aliaj respondoj. Por fini, "ĉu la homoj fieras pri la portugala koloniigado?" Atentokapte 53% respondis nee kontraŭ 28%, jese. "Ĉu Brazilo estos iu granda potenco?" 57% kontraŭ 20% respondis, ke jes.

César Dorneles Soares



**BRAZILA ESPERANTO-LIGO**
Caixa Postal 03625
BR-70084-970 - Brasília (DF)
Telefono (061) 226-1298 - Fakso (061) 226-4446

## "LA FRENEZULETO"

(Traduko de Kristoĉjo

Lanĉota je la 3-a de Majo, 98 ĉe la stando de Eldonejo Melhoramentos, dum la Dujara Libro-Foiro en urbo San-Paŭlo, 16.00-18.00 horo, okazos vespero de subskriboj, kun ĉeesto de la aŭtoro Ziraldo.

PERERE'
TININIM', ĈU NI LUDU PRI LA MALKOVRO DE BRAZILO?
VI, KIU ESTAS INDIĜENO, ESTU BRAZILO
KONSENTITE! KION MI DEVAS FARI?
NU... VI KUŜU TRANKVILE SUB GRANDA ARBO, MI PRENOS MIAN BOATETON KAJ VENOS MALKOVRI VIN.
BONE!
JEN MI IRAS... KAJ JEN VENAS MI!...
TIU KUNIKLETO HAVAS STRANGAJN IDEOJN...
ALAN', ĈU VI IE VIDIS TININIMon?
LI LUDAS KUN GEĈJO.
PERMESON!!!
KIU KURAS?
ESTIS GEĈJO!
HEJ, AMIKOJ!!! NE RAKONTU KE VI VIDIS MIN... TININIM' FURIOZAS PRI MI
KIAL?
ĈAR MI MALKOVRIS LIN
ĈU VI VIDIS S-ron PETRO ALVARES KABRAL IE?
FINO